# LITERATURA MONDO



TRIA JARO, KVARA NUMERO BUDAPEST APRILO 1924

## ABONU ABONIGU PROPAGANDU VERKU

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO“ PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo“, VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaševsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 11 Kleine Hondstraat. Antwerpen, Poštčekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475. Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Nederlando:* I. van Hengel. Eemnes Administratie Wereldtaal.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo“ Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

## REDAKTA ANGULO

Bedaŭrinde ĉi tiu numero pro kaŭzoj ne dependantaj de ni, pro la laborĉesigo kaj striko en la budapeŝtaj presejoj, eliras kun tre granda malfruo. Ni penos kiel eble kompensi ĉi tiun malfruon kaj iom post iom atingi la apertempon en la komenco de la monato.

*

La internaciaj Floraj Ludoj promesas ĉi jare abundan frukton. Preskaŭ 150 literaturaĵoj estis ricevitaj ĝis la limtempo. Ĉi tio montras vere ĝojindan ekfloron de nia literatura vivo. Junaj fortoj aperas inter la barieroj, la lingvo kreskas, evoluas, komencas havi la aspekton de muskola, fortoŝvela junulo. Espereble la kvalito de la konkursaĵoj ne restas malantaŭ la kvanto, kaj nia revuo, kiu. laŭ interkonsento kun la arangantoj de Floraj Ludoj, havos okazon aperigi la premiitajn verkojn, salutos sur siaj paĝoj valorajn artaĵojn kaj laŭrmeritajn novajn nomojn.

# FRAGMENTOJ EL „SOPIRFLAMO NEESTINGITA“ („DOR NESTINS“)

MARIA, REĜINO DE RUMANIO

MOTO: Mia sango ardas pro sopiro, mia koro plenas je doloro. Mi vagadas tra mondo nekonata, al landoj neniam viditaj, serĉante en ĉies okuloj miajn songojn.

R. M.

... Vespere mi atingis grandan urbon. Ĝi kuŝis inter vinberejoj kaj ĝiaj deklivaj terasoj sin etendis ĝis la maro. Mi vidis ĝin ĉe la sunsubiro kaj ĝi ŝajnis esti el oro, mi vidis ĝin ĉe la sunleviĝo kaj ĝi ŝajnis esti el flamoj, mi vidis ĝin ĉe la luna lumo kaj ĝi estis ĝardeno arĝenta, mi vidis ĝin en nebulo kaj ĝi estis kiel vizio flugpendanta ĉe la rando de l' eterneco.

En tiu urbo mi aŭdis voĉojn, klarajn kiel arĝent-sonoriloj, mi aŭdis kantojn, dolĉajn kiel najtingaltriloj, kaj mi vidis vizaĝojn, belajn kiel la floroj en la paradizo...

En tiu urbo mi vidis aron da infanoj. Ili ĉiuj kuris en la sama direkto, post alia, kiu havis en la mano oranĝon oran. La infanoj ridis kaj ĝojis kaj iliaj vizaĝoj estis belaj, kiel tiuj de la anĝeloj en la ĉielo kaj iliaj voĉoj sonis kiel la pepado de l' hirundoj, sed ĉiuj pensis nur pri sola afero: ke ili rabu la oranĝon el la mano de sia kamarado.

Jen, la infano kun la oranĝo falis en la polvon de la strato kaj la valora frukto forglitis el liaj manoj kaj ĝi ruliĝis malproksimen, kiel feliĉo vana, ĉiam pli kaj pli malproksimen. La aliaj kun ĝojokrioj kuris post la ortrezoro kaj ĝin atinginte, ili ĵetis sin sur ĝin. Ili disŝiris la frukton je pecoj kaj avide sorbis la sukon.

Kaj la falinta infano kuŝis kun la vizaĝo al la tero kaj li ploris, kvazaŭ lia koro estus disŝirita.

Forlasinte tiun urbon, mi vidis du geamantojn promenantajn. Ŝia mano estis sur lia ŝultro. Ili vagadis sur vojeto kondukanta al la maro. Malrapide mi sekvis ilin kaj la koro estis peza en mia brusto, mi estis certa, ke la okuloj de l' knabino havis la koloron de la supra ĉielo, mi deziris ilin rigardi, sed mi sciis, ke nur la aliaj vidos, kian koloron havas ili ... mi tamen sekvis ilin. Antaŭ ili la maro etendiĝis trankvila kaj brila.

Ili ŝajnis al ĝi tirataj de sorĉo, kiun oni ne povas kontraŭstari. Supre la ĉielo brilis en radioj kaj aro da birdoj flugis kun ili, birdoj blankaj kun voĉoj muĝaj. Mi ne scias, kiaj birdoj ili estis, sed kiel ankaŭ mi, ili sekvis la paron feliĉan, kun la diferenco, ke iliaj flugiloj malpeze portis ilin tra la aero, dum miaj piedoj sin trenis tra la polvo, iliaj kantoj estis gajaj, dum min teruris eĉ la sono de mia voĉo ... kaj mi tamen iris post la geamantoj.



Maria, Reĝino de Rumanio

Ŝia vesto estis flava, kiel la oranĝo, kiun tenis la infano en la mano kaj ĉirkaŭ la kapo ŝi portis grizan vualon diafanan, kovrantan la frunton kaj kun ĝiaj finpartoj flugpendantan post ŝi, kiel la fumo de l' fajro ardanta en vento kaj mi preskaŭ sentis, ke la fumo plenigas miajn okulojn kaj superŝutas ilin per doloro.

Kaj kiam la geamantoj haltis kaj iliaj buŝoj unuiĝis, tie, sub la ĉielo ridetanta, kun la blankaj birdoj flugantaj super iliaj kapoj kaj la blua maro rigardanta ilin, al mi ŝajnis, ke la vualo ŝanĝiĝis vere je fumo, ĉar miaj okuloj estis plenaj de larmoj kaj forta sopiro-krio eliĝis el mia koro ... kaj mi turnis min kaj kuris ...

Jam de longe mi forlasis la urbon kaj multajn tagojn mi vagadis tra sovaĝejo de rokoj, nutrante min per beroj, kiujn mi trovis inter ŝtonoj kaj sciu ho Vaiavala, mi opiniis, kelkaj el ili estis venenaj, ĉar mi ne priatentis, kion mi gustumis. Sur la fendoplenaj rokoj kreskis multaj kaktoj. Iliaj sekaj kaj timigaj trunkoj estis kiel senmovaj gardistoj el fabelo, metitaj en tiun dezertejon por gardi la silenton. Sed kiam leviĝis la suno, ankaŭ tiuj trunkoj estis el oro, kaj ĉe la sunsubiro eĉ la ŝtonoj sub miaj piedoj ŝanĝiĝis je oro ...

Ĉu vi povas diri al mi, kial, Vaiavala, kial estas valoraj ĉiuj aĵoj, kiam la suno prilumas ilin, kial ĝi povas fari ĝardenon de beleco el dezerto, — kiam ĝi respeguliĝas en marĉa lago, kial ĝi povas je la surfaco aperigi la plej karajn kolorojn de la ĉielarko, kaj kiam ĝi ŝovas sin sur la liton de la morto, la ĉambro kial pleniĝas per espero?

Kial ne timas la suno danci super la senfundaj abismoj kaj ĝi ne sentas naŭzon priradiante la putrajn bestkadavrojn restintajn kiel rabaĵo al korvoj, kial povas ĝi transformi skorion je metalo valora? Kian sorĉan vergon ĝi havas? Kaj kial, ĉiuvespere, irante por ripozi kaj ĉiumatene, vekiĝinte, kial ĝi ornamas sin per belo, kiu plenigas per radioj tiujn fierajn arbarojn en ilia majesto aŭtuna.

Kial tiom ofte ĝi forlasas la korojn de l' homoj, lasante ilin senlumaj kaj solecaj kaj malvarmaj, ĉu vi povas diri al mi, kial, ho Vaiavala?

Iuloke dorna kakto-arbetaĵo jen transformiĝis je kolorĝardeno. Mi staris rigide kaj mi rigardis ĝian belon arogantan.

El ĉiu karnoza folio elstaris al mi ruĝkolora trumpeto, ruĝa kiel fajro kaj flava kiel safrano kaj kelkaj tiom blankaj kaj puraj, kiel tiu granda perlo, kiun mi portis por vi el la verda profundo de l' oceano.

Mi rigardis en la internon de la grandaj floroj malfermitaj kaj jen, montris sin al mi neviditaj trezoroj orstamenaj, kiuj estis kvazaŭ senhontaj en sia aro pompoplena, sed nenian parfumon dolĉan ili elspiris kaj mi preskaŭ malŝatis ilian pompon.

Sed fine mi ekripozis dum tiu nokto en la ombro de l' gigantaj kreskaĵoj de la dezertejo kaj la lastaj aĵoj, kiujn mi vidis, fermante miajn okulojn, estis la palaj vaksofiguroj de la blankaj floroj streĉe rigardantaj en la nokton, kvazaŭ mi estus aŭdinta anoncan krion, kies signifon mi ne povas kompreni.

Kaj krepuske, kiam mi vekiĝis, ĉiuj brilaj floroj estis jam velkintaj — ili estis nur mano da senkolora ĉifono. Malaperis beleco ilia, forpasis ĝojtago ilia, lace ili pendis sur la trunkoj, kaj neniu vojaĝanto estus haltinta por ĵeti rigardon sur ilin.

Kun la speciala permeso de l' Aŭtorino
*TIBERIO MORARIU.*

---

# LA ETERNA PACO EN IE-LANDO

I. L. PEREC



Diras la rakonteto pri Ie-lando tiel:

En Ie-lando troviĝas tre alta, grandega monto. Vivas sur la montpinto la plej grandaj agloj, fajfas sur la montsupro la plej fortaj ventoj; — muĝas la ventegoj kaj interbaraktas.

Vidas la montpinto ankaŭ la plej grandan ĉielspacon el la firmamento de super Ie-lando, kaj la plej belan sunleviĝon en Ie-lando ĉiumatene.

Banas sin la montpinto en la plej hela, plej pura lumo. Ĝi ja estas la plej alta supraĵo en Ie-lando: Nenio malheligas al ĝi la sunlumon, de nenie falas ombro...

Fortega estas la monto: Rokoj estas ĝiaj membroj, kupro kaj oro — ĝiaj vejnoj... Ĉi tion plej bone scias la sovaĝa kapro, kiu saltadas super ĝia dorsego...

Diris la rakonteto tiele.

— — — — — — — — — — — — —

Ekaŭdis patrinoj la rakonteton, verkis laŭ ĝi lulkanton kaj dormigas infanojn per la kanto pri Ie-lando, pri la alta grandega monto en Ie-regno.

Plenkreskas la infano kaj forgesas la lulkanton; ĝi forgesiĝas dum lernado kaj ludado, poste en la vivo, amo kaj suferoj... en la mondbruo.

Tamen ie, en kaŝita anguleto de l'koro, tremetas ankoraŭ kordeto mallaŭte, kaj sonas la kanteto, la lulkanto pri la montpinto en Ie-lando, — sed torentas ĉirkaŭe la brueganta, bolanta vivo kaj subpremas la kordosonon...

Forpasas jaroj kaj tempoj.

Okazas iufoje!

Ŝpinas junulo sian oran viv-fadenon, etendiĝas la mano de la sorto kaj traŝiras la fadenojn. Foriras la junulo el la vivo en solecon.. Eksentas li subite en la soleco, ke en lia koro, en kaŝita anguleto de l'koro, tremetas kaj sonas io... Haltas la junulo kaj enaŭdiĝas...

Kantas iufoje junulo sian feliĉan amkanton sur sia ora junecharpo; Ekaŭdas la malbonsorto, ŝtelaliras, etendas la ostan manon kaj disŝiras perforte kordon post kordo. Mutiĝas la harpo kaj silentiĝas terure en la koro... Eksonas subite la lulkanto en la silento, la lulkanto pri Ie-lando, pri la alta grandega monto en Ie-lando...

Iame ĝi venas al oniulo en sonĝo; En trankvila lunnokto ĝi ekflustras al la orelo kaj vekiĝas la oniulo.

Okazas, ke dum enpensiĝo vekiĝas ĉe homoj la sopiro, kiu pelas al Ie-lando, al la alta grandega monto en Ie-regno...

Forte logas Ie-lando kaj altiras migrantojn...

En ĉiuj tempoj, sur diversaj vojoj, kaj de ĉiuj mondpartoj oni migradas al Ie-lando...

Migrante, oni erarvagadas...

Skeletoj signas la vojojn kaj vojetojn al Ie-lando...

Kelkiuj tamen trovas la ĝustan vojon kaj atingas sian celon.

Sur solecaj vojoj ili iras, el diversaj mondpartoj ili venas kaj neniam renkontas unu la alian...

*

Ŝpinas sin kaj daŭre ŝpiniĝadas la rakonteto...

Ĝi ŝpiniĝadas el lunradioj en kvieta lunnokto...

Diras la rakonteto plue:

Malsupre, ĉe la alta monto en Ie-lando, eten-

diĝas liberaj, fruktodonaj kaj nigroteraj kampoj, kreskas densaj arbaroj, fluas lagoj kaj riveroj kaj ĉirkaŭas la grandegan altan monton...

Alvenas la migruloj — unuope, duope, aŭ familiare — atingas la monton en le-lando kaj sidlokiĝas malsupre ĉirkaŭ la monto...

Iras ĉasisto kun sago kaj arko arbaron; vidiĝas fiŝisto kun reto kaj fiŝkaptilo ĉe la klara riverbordo; plugas kampulo la teron; pelas paŝtisto ŝafaron al herbejo; — estiĝas post tempo kolonioj...

Sed grandega estas la malsupro de l'monto, ne renkontiĝas pro tio la kolonianoj de diversaj sidlokoj kaj unu kolonio ne scias pri ekzisto de alia.

Vivas ĉiu sian propran vivon, aranĝas ĉiu sian „solan" vivmanieron, konstruas ĉiu sanktejon por sia „sola" Dio, kaj ĉiu kolonio adoras sian „Solulon"...

Oni vivas kaj mortas laŭ la destino kaj leĝo de Dio la sola...

Preĝas kaj parolas ĉiu per sia „unusola" homa lingvo . . .

Oni laboras, plimultiĝas kaj iom post iom suprenleviĝas sur la dorso de la deziregata kaj alta monto...

Malrapide — kun tritiko, aveno kaj grajno suriras la terkulturisto ; evitas tiun la vinberisto; pli alten saltas la paŝtisto, tra ŝtonoj kaj rokoj, post la sovaĝa kapro; la metalan vejnon laŭiras la ministo...

Kelkiuj supreniras ankoraŭ pli alten...

Ili estas tiuj, kiuj neniel povis trankviliĝi . . . Iliaj sopirantaj animoj aspiras la alton, la supran alton; ĉar en iliaj koroj sonas pli forte la lulkanto . . .

Formetas tiuj iafoje reton, sagon, arkon kaj iras el arbaro kaj for de la riverbordo... Faligas el la manoj iafoje falĉilon kaj fosilon la kampulo kaj forlasas la plugon... Perdinte tranĉilon kaj branĉtondilon elvenas la vinberkulturisto el la vinberejo... Forĵetas hakilon kaj rigardas de sub la metala vejno en la helan lumon la ministo... Forlasas kapraron la paŝtisto kaj supreniras...

Tiele tiras la montpinto...

Estas en ĉiu kolonio, en kelkaj eĉ multaj, kiuj supreniras...

Ju pli alten, despli maldika estas la dorso de l'monto kaj okazas, ke interrenkontiĝas la erarvagantoj.

Sed renkontinte...



Girolamo da S. Croce — St. Johano Baptanto

Malĝojega kaj terura fariĝas la rakonteto parolante pri tio...

Malĝojegaj okazintaĵoj; sangaj interluktoj... Ŝpinas sin kaj daŭre ŝpiniĝadas la rakonteto tiele:

Estas en ĉiu kolonio sopirulo, en kelkaj eĉ multaj...

Al la montpinto ili sopiras...

Al la fortaj ventegoj, al la grandaj agloj, al la senlima libera ĉielo, al la plej hela lumo, al la plej bela sunleviĝo ili sopiregas...

Logas ilin la montpinto...

Unuope ili eliras el kamparlimoj, elvenas el vinberĝardenoj... ŝtonegojn kaj rokojn transsaltas, ĉe randoj de metalaj vejnoj ili supreniras...

Ili erarvagadas rigardante la altan supron per sopiremaj okuloj, aŭskultante la bruojn de l'supro per aŭdemaj oreloj...

Okazas, ke iufoje renkontiĝas la sopiruloj...

Kaj renkontinte — ili ektimiĝas.

Malkonfide kaj mirigite ili rigardas unu la alian, haltante:

El diversaj lokoj ili venis, tra malsamaj vojoj iradis — alie vestitaj kaj malsimilaj laŭ aspekto kaj eksteraĵo...

Oni balbutas intersalutante kaj ekparolas:

„Estu bonvenanta!"

Salutas ĉiu en sia lingvo, en sia „unusola" lingvo... ĝi sonas en la orelo de aliulo fremde, malmole, nehome, malamike... ĉiu pensas, ke la alia minacas.

„Li malrespektas min kaj insultas." — murmuras ĉiu.

Stariĝas unu kontraŭ alia kaj demandas:

„Ĉu vi estas homo, ĉu vi kredas al..."

Kaj vokita estas la nomo de Dio, de la „Solulo"...

En du lingvoj estas vokitaj du nomoj de Dio; kaj ĉiu pensas pri la alia:

— „Li ne parolas kiel homo kaj ne kredas je Dio"...

Oni prepariĝas bataladi...

Petas ĉiu sian Dion pri helpo antaŭ la batalo...

En diversaj lingvoj ili paroladas, per malsamaj lingvoj ili vokas dinomojn...

Diras ĉiu: Li mokas min kaj malbenas mian Dion!

Aŭ: Li adoras alian Dion ol mi, idolon, diaĉon!...

Ekflamas la malamo kaj eksplodas la batalo je morto aŭ vivo...

Venkas unu homo kaj lia sola Dio...

Kaj la venkito, malglorinte aŭ beninte sian Dion, mortfalas...

Malsuprenruliĝas la korpo de la venkito kaj signas per sango la vojon tra l'monto, tra la dorso de l'alta, grandega monto...

Kaj la venkinto dankpreĝinte en sia lingvo al sia Dio pli kaj pli alten supreniras...

La nombro de l'sopirantoj en la kolonioj, kaj la nombro de l'renkontintoj interbatalantaj sur la dorso de l'monto, kreskas de tago al tago...

Plikreskas la sopiro, kiu ĉiam peladas supren... pligrandiĝas la kolerego kontraŭ la sovaĝulo, kiun oni renkontas survoje; kontraŭ la sovaĝa besto, kiu ne kredas je Dio, adoras idolon kaj balbutas per nehoma lingvo...

Suriras ĉiam pli alten la homo kaj ju pli alten li supreniras, despli multiĝas bataloj kaj interluktoj...

Oni bataladas ĉiam pli kaj pli proksime al la montpinto...

La korpoj de venkitoj malsuprenruliĝas de l' monto ĉiam pli ofte, kaj ĉiam de pli alta supro... Ruliĝante ili diskarniĝas ĉe pintoj de ŝtonegoj kaj rokoj je sangaj ĉifonoj kaj fadenoj. La sango ĉiam pli ofte malsuprenfluas, torentas, disverŝiĝas kaj ruĝigas la dorson de l'monto...

Dank'al la malsuprenrulitaj, diskarnitaj di-insultintoj, la tero ĉe l'malsupro de l'monto ĉiam pli kaj pli fertiliĝas; pli plena kaj pli benita estas la spiko de tritiko kaj grajno; pli plena kaj pli suka la vinbero, pli dolĉa ĝia vino... pli nutra estas la herbo, kiu ekburĝonas sub la piedoj de l'sovaĝa kaprino, kaj ĉiam pli grasa kaj multa la lakto, kiun ĝi donas al la paŝtisto...

Kaj la sopirantaj venkintoj dankglorante Dion supreniras...

*

Diradas la rakonteto daŭre:

Plimultiĝas kaj ĉiam pli fruktodonaj estas la kolonioj malsupre de l'alta grandega monto, kaj kreskas ankaŭ la nombro de l'sopirantoj, kiuj jam suriras multope kune...

Danĝerega, de tago al tago pli danĝera fariĝas la vojo al la grandaj agloj, al la liberaj ventoj, al la sunleviĝo, al la larĝaj ĉieloj supre...

Ĉiam pli kaj pli da balbutantoj kaj diinsultantoj suriras la dorson de l'monto. Ili jam supreniras armite...

Renkontiĝas ĉiam pli ofte taĉmentoj de armituloj, ĉe ĉiu renkonto oni sange interbatalas — en nomo de Dio, de la „Solulo"!...

Ekaŭdas la kolonianoj batalkriojn supre, survenas ili kun helpo...

Eliras paŝtisto el tendo, ministo el minejo, el vnberpremejo surkuras vinisto, rapidas de plugo kampulo, fiŝisto el riverbordo kaj ĉasisto el profunda arbaro... Estas ĉiuj armitaj; la ministo ja preparis por ĉiuj armilojn...

Ĉiam pli ofta kaj ĉiam pli pereiga fariĝas la batalo...

Tondras la monto pro l'eterna militado, pro hero-kriadoj, pro armilsonado kaj pro la dinomo, kiu estas vokata en diversaj lingvoj... Amase malsuprenruliĝas kadavroj kaj diskarniĝas ĉe ŝtonegoj kaj rokoj, tra vojoj kaj vojetoj... Sangriveroj malsuprenfluas, bolas kaj torentas.

Malsupre estiĝas la tero ĉiam pli fertila, pli plena la spiko de tritiko, aveno kaj grajno, pli granda kaj dolĉa la vinbero, kaj pli sate nutriĝas la sovaĝa kaprino kaj donas pli grasan kaj pli multan lakton...

Sed foje — diras la rakonteto — dum furioza batalado, du malamikoj postkuris unu la alian tiel alten, ĝis ili subite ekatingis la altan montpinton kaj eniĝis en abundegan lumtorenton de la plej helriĉa lumo de l'montsupro...

Kaj jen, subite per unu fojo elŝiriĝas el ambaŭ buŝoj tute nova lingvo! Ĝi estis la lingvo de l'supro, la luma lingvo, la radilingvo... Subite unu ekkomprenis la alian, unu ekkonis en la alia homon, ekaŭdis la saman nomon de Dio — kaj ili amike ĉirkaŭbrakis sin.

Post tiuj venis aliaj, kiuj eniĝis en lumon, kaj post ili ceteraj, kaj ĉiuj komencis paroli per la sole-homa radilingvo...

Estis ĝojego!

Ekaŭdis ili subite de malsupre batalkriojn, armilsonadon de ĉiuj flankoj de l'monto... Sube okazis, kio devis okazi... Kiel supre la unuopaj sopiruloj, tiel malsupre la kolonioj renkontiĝis...

Plimultiĝis dumtempe, pliobliĝis kaj disvastiĝis la kolonioj, kaj ĉiam pli mallarĝaj fariĝis la liberaj kampoj kaj arbaroj... Renkontis ĉasisto ĉasiston, kampulo kampulon, paŝtisto paŝtiston kaj ministo ministon — sub la tero...

— Fremduloj nin invadis kaj plugas nian teron, malamikoj fiŝkaptas en niaj riveroj! balbutuloj sen lingvo disloĝiĝas sur nia tero! diinsultantoj okupis niajn vinberĝardenojn!... idoladorantoj kaptis niajn kaprinojn! — tiele oni diris.

Kaj ekflamis sur ĉiuj limoj la batalo... Malsuprenkuras de l'monto la sopiruloj:

— Paciĝu! For la batalilojn! Ĉiuj estas egaluloj! Ekzistas unu sole-homa radilingvo!...

Kaj tio — diras la rakonteto — estis la komenco...

La komenco de l'eterna paco... de l'eterna paco en Ie-lando, malsupre ĉe l'alta grandega monto...

Dirinte pri tio, disradiiĝas la rakonteto, kaj dolĉmilde ridetas...

Kiel la orienta matenruĝo vidita de l'pinto, de l'alta montpinto en Ie-lando...

Scias la rakonteto, ke ĝi fariĝos kanto, lulkanto; kantos ĝin patrinoj super plej amata lulilo...

Kaj sonos la kanto en la infana koreto, kaj iĝos sopiro...

Sopiro al Ie-lando, al la alta montego en Ie-lando, al la paclando kun la radilingvo, la sole-homa.

En sopirkoro — sopirdoloro!...

El la juda: *J. Jurysta*

# POPOLKANTOJ

## RUMANA

Ho, turteto senkonsola,
Kompatinda, ve al ĝi,
Restis sola, tute sola,
Kompatinda, ve al ĝi.
Flugas al dezert' senkante,
Pli mortinte ol vivante,
Plendas ĝi dum vivo sia,
Ne pariĝas kun alia.
Ĝi tra verda bosk' rapidas,
Ŝajnas, ke ĝin eĉ ne vidas,
Flugas ĝis la falo svena,
Sen ripoz' sur branĉ' serena,
Se ĝi fine tamen haltas,
Nur sur sekan branĉon saltas,
Aŭ sur nudan rokon iras,
Trinki, manĝi ne deziras.
Se ĝi klaran akvon vidas,
Ĝin konfuzas, forrapidas.
Se ĉasisto venas voje,
Kontraŭflugas ĝi malĝoje.

Trad: *K. de Kalocsay*

## HUNGARA

Tra l' fenestr' rigardas István Fogarasi,
Apud li rigardas fratineto lia.
„Ĉu vi aŭdis tion, fratineto kara?
Devas vi foriri al Turkujo granda,
Esti fianĉin' de l' granda turka reĝo."
„Mi ne aŭdis tion, frato mia kara.
Donu Di' prefere gajan vespermanĝon,
Post la vespermanĝo sen dolor' malsanon,
Je maten' belruĝa el la viv' eliron."

Venis, jen, alvenis granda turka reĝo:
„Kie estas, kie, fianĉino mia?"
„En ĝardeno sia florojn ŝi plantadas".
Iris, jen, aliris granda turka reĝo.
Jen eĉ la floretoj ĉiuj jam forvelkis
Kaj nenie estas fianĉino lia.
Venis, jen revenis granda turka reĝo:
„Kie estas, kie fianĉino mia?"
„En fraŭlina ĉambro ŝi mem sin vestadas".
Iris, jen, aliris granda turka reĝo.
Jen fraŭlinoj ĉiuj sin funebre vestis
Kaj la fianĉin' sur katafalko kuŝas.
„Donu al mi, donu, ho bofrato kara,
Donu fianĉinon, mian amatinon.
Mi farigos por ŝi ĉerkon marmorŝtonan,
Mi ĝin igos najli per orkapaj najloj,
Mi per cent soldatoj igos ŝin funebri".
„Mi ne donas, ho ne, granda turka reĝo.
Ankaŭ mi farigos ĉerkon marmorŝtonan
Kaj ĝin igos najli per orkapaj najloj
Kaj per cent soldatoj igos ŝin funebri.
Ŝi ripozu pace kun patrino, patro
Kun patrino, patro, en la naskotero."

Trad: *K. de Kalocsay*

## LATVA

Eta estis mi, ne vidis
Kiam mortis paĉjo-panj'.
Nun eltrovis mi paŝtante
Kie kuŝas patr', patrin'.

En monteto sable blanka,
Sub verdeta herbokovr'.
„Ho leviĝu, paĉjo, panjo,
Levos la terkovron mi.

Mi rakontos al vi plore
Kion faras fremdpatrin'. —
Ŝi min sendas vergojn tranĉi
Frumatene al pomuj'.

Al pomuj' mi alpremiĝis
Kiel al vi, karpatrin'.
De l' pomujo falas floroj
Kaj de mi maldolĉa larm'."

Trad: *E. Jaunvalks*

## KATALUNA

I.

Estis reĝ' en mia lando,
kun ama dolor'.
Iu bela princineto
vundis lin ĉe l' kor'.

La princino lin ne volis,
ĉar estis paĝi'
tute bela kaj ĝentila,
kiun amis ŝi.

Tiu reĝ' pri ŝi pensadis
en ĉiu moment'
kaj pro sonĝ' je ŝi, la dormo
estis dolĉa sent'.

II.

Ĉiun tagon li vekiĝis
kun ĉi tiu preĝ':
Diru vi al la princino
la amon de l' reĝ':

Ke al sceptro mankas l' oro
de ŝia harar',
mankas al anim' la lumo
de ŝia rigard'.

Li sopiris la princinon
en ĉiu moment'
kaj pro sonĝ' je ŝi, la dormo
estis dolĉa sent'.

III.

Fine mortis princineto
pro ama dolor'.
Jus de l'reĝo sur la trono
mortis ŝia kor'.

Oni portis ŝin en tombon
kaj aŭdiĝis kant',
estis kanto de l' paĝio,
fidela amant'.

Kiam aŭdis ĝin, la reĝo
kriis kun turment',
kaj por ĉiam li dormiĝis
pro ĵaluza sent'.

Trad: *Jaume Grau Casas*

# HISTORIO DE KISO

GABRIELE D'ANNUNZIO

Nemultaj semajnoj pasis de tiam, ke kronikisto de ĵurnalo, kiu estas unu el la plej konsciencaj el la italaj kronikistoj, kaj kiu faras sian metion kun granda intereso, rakontis en la „ĉiutagaj okazaĵoj", kiel du kuraĝaj Tevere'anoj: Johano Mescia kaj Graciadio Ballanti, savis eltirante el la rivero junan sinjoron, kiu ĵetis sin de la Ponto de *Bordeto* kun la evidenta decido mortigi sin.

La laŭdinda kronikisto havas, krom siaj aliaj prerogativoj, kvaliton maloftan en sia profesio: la diskretecon. Li tial skribis el la nomo de la malfeliĉa junulo sole la unuan literon P.; kaj la raporto pri tiu mallonga bano en la akvo de la *Tevere* tial lasis nenian postsignon en la memoro de la legantoj.

Kaj tamen la junulo, pri kiu hodiaŭ mi parolas, ne tiel ĵetis sin en la riveron kiel tion farus iu alia malfeliĉulo. Li, antaŭ ol morti, volis provi lastan ĝojon kaj pro tio li promenis almenaŭ du horojn antaŭen kaj malantaŭen laŭlonge de la ponto kiu estis reaĉetita de la Komunumo.

La junulo nomis sin *Paulati,* Gvido *Paulati,* el Akvila. Li havis tiun specon de beleco, iom tro florantan kaj ruĝan, per kiu brilas la Akvilana junularo, kaj temperamenton nature gajeman kaj plaĉeman. Liaj gepatroj sendis lin Romon por ke li doktoriĝu en juro. Sed, antaŭ ol li venis al sia lasta ekzameno, kiu devis konsekri lin doktoro, okazis al li la malfeliĉo: perdi, unu post la alian, la patron kaj la patrinon.

Nun, homo kiu estas orfa kaj kiu heredas du cent mil lirojn, kial li devus resti loĝanta en provinco? Kaj kial li devus fari la lastan ekzamenon de doktoreco?

Gvido ĵetis sin, subite, en la grandvivon. Li havis por du jaroj po cent mil liroj da rento kaj lasis sian parfumon *„vélyver"* en la salonoj de ĉiuj ĉefaj *„tendresses"* romanaj kaj ekzotikaj. Li posedis selĉevalojn kaj tirĉevalojn, kaj, inter aliaj, du ĉevalojn de Roano tiel belegajn, ke la vizitintoj de *Villa Borghese* kaj *Villa Pamphily* memoras tion ankoraŭ kun admiro. Li pasigis plurajn noktojn, kaj kun multe da lerto kaj kelka fortuno, ĉe tabletoj de ludo en la klubo. Li partoprenis, dum unu sezono, vulpoĉason kun kelka sukceso, kaj li eĉ estis menciata unufoje en ĵurnalo. Sed al la lastaj vetkuroj de Capanelle li alvenis en fiakro: lia dekadenco komenciĝis.

*„Cher ami, la vie que tu mènes*
*ne peut pas toujours durer. . . ."*

La malnova kanzoneto kiun la blondega *Kadir* ofte kantis kun sia voĉo laŭta, al kiu mankis la „r", diras proksimume tiel.

Ne havante plu alian monon, la kara Guido estis devigata vendi la faetonon, la ĉevalojn kaj poste ankaŭ la meblojn. Poste, retirinte sin en malgrandan kaj modestan apartamenton meblitan en la strato de Scrofa, li donis sin al meditado.

Jen la natura dedukto de liaj ideoj:
1. Se oni oscedas, oni ne estas feliĉa.
2. Mi ĉiam oscedas.
3. Do, mi ne estas feliĉa.

Neniam Galileo Galilei arkitektis silogismon tiel vivan, tiel koheran, tiel evidentan, kun graveco pli precipa kaj samtempe pli ĝenerala. Guido pasis al la dua serio:
1. Mi oscedas, ĉar mi enuas.
2. Mi enuas, ĉar mi ne estas feliĉa.
3. Mi ne estas feliĉa, ĉar mi ne havas monon.

Kaj li aldonis: mi ne komprenas, kial iu ne povas havi du patrinojn, aŭ ankaŭ tri, aŭ kvar, aŭ ankaŭ ses, por heredi du, tri, kvar, ses fojojn.



Marco Marziale Virinportreto

Nun, kio restas por mi? Mi havas nenian parencon, eĉ ne malproksiman, de kiu mi povus esperi ion, nek mi havas eblon: havigi al mi iom el tiu malnobla oro, kiun mi bezonegas.

— Mi povus fariĝi skribisto en oficejo de notario; mi povus eble fariĝi eksterodinara oficisto en la ministerio de terkulturo, ĉar la animo de ministro Grimaldi estas tiom granda kaj tiom kompata; mi povus konkuri je ofico de negocisto... Je kio alia mi povus konkuri? Sed estas pli bone resti granda sinjoro ĝis la fino, kaj heroe morti. *That is the question.*

— Per kia morto morti? La veneno estigas suferojn kruelegajn en la ventro kaj faras la karnon violkolora: oni diras. La ŝnuro donas, oni diras, specialan volupton, sed ĝi donas al la pendigito ridindan aspekton de kolbaso pendanta de najlo.

— La pistolo senformigas, puŝas la cerbon ekster ĝian naturan lokon, produktas kelkfoje vundojn terurajn kaj vastajn kaj eĉ ne mortigas. Por uzi ponardon aŭ tranĉilon, oni bezonas certegan manon kaj mi faris trouzon de kafo.

— La karbon (komprenu: sufokmorto per karbo) oni devas lasi al la ĉambristinoj, tajlorinetoj kaj al la kantistinoj de la teatro *Quirino.* Nu?

— Kvankam mi estas sportkanotisto sur la *Tevere*, mi neniam lernis naĝi. Mi dronigos min en la supredirita *Tevere.* Mi decidis. — Kaj li ridetis, kiel ridetas la honorinda *Depretis,* kiam li trovas la malligon de iu malfacila nodo en la parlamento.

— Sed mi ne volas malhavi la viatikon. La fidela kristano prenas la Sakramentojn, ĉe la vivofino. Mi, mahometano laŭ inklino, prenos la lastan kison.

Jen kial *Guido Paulati* promenis tiumatene antaŭen kaj malantaŭen laŭlonge de la ponto. Li atendis ĉe la trairejo fraŭlinon, la antaŭdestinitan, la idealon, al kiu li, vivonte, certe edziĝus. Lia intenco estis preni kison de la virgina buŝo kaj pagi la punon de sia aŭdaco ĵetante sin en la riveron. Kiel la legantinoj vidas, la afero havis tre belan romantikan aspekton.

En unu el la novaj konstruaĵoj de la Herbejoj de Kastelo, en vilaeto ĉirkaŭita de ĝardeno, kie floris rozoj kaj jasmenoj ĉaste kiel en la ĝardeno de monaĥejo, loĝis *Sir Keck,* maljuna anglo, vidva kaj riĉa kiel nepre ĉiuj maljunaj angloj kiuj venas loĝi Romon. Sir Keck retiriĝis en tiun lokon kun sia filino *miss Claribell* kaj kulturante siajn rozojn konkuris en fervoro kaj pacienco grafon *Bobrinsky*, kiu posedas en sia *Villa Malta* la plej belajn rozarbetojn de Italio.

*Miss Claribell* estis fraŭlino tute blonda, de blondo cindra, kiel la rusa teo, en kiun falis guto da lakto. Ŝi estis alta kaj subtila kiel la figuretoj de la *Keepsakes* kaj igis pensi pri la belega melodio de Tennyson, per kiu komenciĝas la unua volumo de la *Poems.* Ĉu vi memoras?

*Where Claribell low lieth,*
*The breezes pause and die,*
*Letting the rosa-leaves fall:*
*But the solemn oak signeth,*

*Thick-leaved, ambrosiat*
*With an ancient melody*
*Of an inward agony.*
*Where Claribell low lieth.*

*Claribell* do revenis el la evangelia preĝejo, kun *mistress Leechwood.* Estis tiu mirinda tempo de majo, kiam Romo tute oriĝas. *Claribell* marŝis kun rapidaj paŝoj rekte kiel lilio, portante en unu mano la sanktan libron binditan en marokeno kaj en la alia bukedon de iridoj, de tiuj grandaj kaj violkoloraj kaj bonodoraj iridoj, kiujn amis *Elaine.*

*Elaine the fair, Elaine the loveable,*
*Elaine, the lily of Astolat...*



Marco Basait — Aleksandria St. Katalino

*Mistress Leechwood* marŝis flanke de ŝi kun okuloj mallevitaj, kun kubutoj premitaj al la flankoj, malfleksebIe kvazaŭ ŝi estus el ŝtalo, metante unu post la alian la grandegajn piedojn, kun aŭtomata movado, neniam turnante la rigardon al la personoj, nek al la objektoj, kiujn ŝi rekontis. La perfekta digno de ŝia irmaniero kaj agmaniero gajnis por *mistress Leechwood* la konfidon kaj estimon de *Sir Keck.*

Guido lasis jam pasi pli ol dudekon da fraŭlinoj, el kiuj neniu similis la idealon, neniu estis inda por doni la lastan viatikon al malfeliĉulo.

Li serĉis, li atendis blondulinon; kaj tiuj estis brunaj aŭ kaŝtanaj aŭ ruĝaj. Fi! Pasis ankoraŭ du fraŭlinoj, kiuj ŝajnis fratinoj kaj estis tre belaj kaj plaĉaj, sed havis sur la pura frunto kapharojn krispajn kaj nigrajn kiel tiuj de kelkaj Madonoj de *Murillo.*

Guido moderis sin, kaj lia rigardo sekvis ilin.

La *Alhambra* kun sia falsa kaj malnova arkitekturo maŭra, farita el ligno kaj kartono, renoviĝis en la sunbrilo. Flanko de la palaco *Borghese*, kie fontaneto ŝprucis, ŝajnis en la matena lumo granda peco da antikva arĝentamaso. La rivero fluis kviete, solene sub la ponto. Kelkaj grandaj barkoj, apud la bordo, estis senmovaj. Subite Guido ekskuis sin. Miss Claribell aperis ĉe la kapo de la ponto. La horo de la morto estis proksimega. La junulo sentis tutan sian sangon flui al la koro. Konfuza zumado plenigis liajn orelojn, ruĝa nebulo vualis lian vidon. *Miss Claribell* proksimiĝis, Guido iris renkonti ŝin, prenis ŝin inter siajn brakojn, metis sian buŝon sur ŝian buŝon; kaj poste, kun admirinda rapideco li saltis trans la parapeton kaj falis en la Tevere. *Miss Claribell* laŭte ekkriis por timo kaj turnis sin al *Mistress Leechwood,* kiu estis verdiĝinta kiel malsana turkiso.

Homoj alkuris. Ĉiuj kriis : „Savu lin! Savu lin!“ Kiel mi diris komence, Johano *Mescia* kaj Graciadio *Ballanti* plenumis la filantropian agon.

*Miss Claribell,* apogite kaj ŝovite de la guvernistino, reekiris al la hejmo, sekvate de nombraj mallaboruloj kiuj fantaziis kiu scias kian teruran pasian romanon. Antaŭ sia foriro ŝi aŭdis ankoraŭ la voĉojn de la alkurintaj homoj. „Li estas mortinta!“ „Li ne estas mortinta!“ „Li spiras ankoraŭ . . .“ „Li estas savita! Portu lin al la hospitalo“ „Li ne estas mortinta!“ „Ne! ne! Li estas sveninta.“

*Miss Claribell,* tuj kiam ŝi venis hejmen, ĵetis sin sur la bruston de la *most honourable Sir Keck* kiu atendis ŝin kaj kiu, ekkoninte la okazaĵojn, falis en la plej profundan konsterniĝon. La malfeliĉa fraŭlino, „*the poor little Claribell*“ tuj akre febriĝis kaj poste deliris. En kvieta intertempo, malfermante la grandajn kaj purajn okulojn, similajn al du violoj en lakto, ŝi demandis: „Ĉu estas viva aŭ morta la mizerulo?“ La patro respondis: „Li estas viva.“ Kaj la dolĉa filino: „Nu, mia patro, necesas, ke mi edziniĝu al li, aŭ ke mi mortigu lin.“ Kaj la patro simple respondis: „Alia ne estas por fari, *indeed.*“ Kaj ambaŭ foriris al Akvila, kie Guido Paulati, perfekte bone fartanta, estis gastigata de amiko.

*Miss Claribell* demandis kun severa mieno:

„Kia estis via intenco, sinjoro, farante al mi perforton?“

„Decidiĝinte je morto, — respondis Guido — mi volis preni viatikon de via senmakula buŝo.“

Tiam *Sir Keck* kun solena graveco levis el sia poŝo tri librojn, — ĉiuj tri binditaj en tolo kaj ornamitaj de oraj frisoj — kaj li metis ilin sur la tablon. Ili estis: *la Biblio, Robinson Crusoe* kaj *Gulliver.*

Kaj ĵuris Guido:

1. Je la Biblio, ke li konservos la fidelecon al sia edzino.

2. Je Robinson Crusoe, ke li neniam forlasos la hejmon por iri tra la mondo.

3. Je Gulliver, ke li vivos malproksime de la intrigoj de l' Kortegoj kaj de la Satanaj pompoj.

Guido ĵuris ĉiom sen hezito.

Kaj tiel miss Claribell fariĝis la lia.

*„Where Claribell low lieth,*
*The breezes pause and die,*
*Letting the rose-leaves fall . . .“*

*El la itala:* G.EDILIO BRISSON *Genova*

---

# EN LA ALIA MONDO

**ELIN PELIN**

Kiam disvastiĝis tra la vilaĝo la sciigo ke avo Matejko mortis, neniu kredis ke tio estas vero, ĉar li emis ŝerci kaj krome, antaŭe neniam okazis al li tiaspeca afero. Sed kiam avino Jova rakontis lian lastan horon, ĉiuj konvinkiĝis, ke tiun ĉi fojon li ne ŝercas. La homo revenis de la arbaro, malŝarĝis sian azeneton, ligis ĝin, donis al ĝi fojnon kaj tuj kiam li eniris la domon kaj sidiĝis ĉe la fajro por bruligi sian pipon, io lin tratranĉis duone tra la lumbo, li kuŝiĝis, ekĝemis kaj...

Kunvenis najbaroj, iris ankaŭ avino Jova. Li ja estis malriĉulo, solulo, li kaj lia malsovaĝa azenineto, griza kiel kolombeto, obeema kaj kvieta kiel monaĥino. Iris avino Jova, sed ne estas ja haltigebla la animo, kiel ŝi haltigus ĝin? „Nur — rakontas ŝi — mi diris al li, ke li krucosignu, kaj li kvazaŭ penas, sed ne povas eĉ ekmoviĝi. Oni alportis al li botelon da brando. Li ĝin prenis, ekridetis tiel, ke liaj okuloj ekbrilis kaj... mortis.” Li mortis kun rideto. Ĉu, ĉar lia animo en tiu momento eniris la paradizon aŭ, ĉar li vidis la brandon — tion neniu povis diri certe.

Ekirinte al la alia mondo, la bedaŭrinda avo Matejko unue haltis ĉe la vojkruciĝo, kie estis multaj vojaĝantoj — tiaj samaj kiel li.

— Bonan atingon — li salutis ilin kaj sen longa pripensado li demandis:

— He, onkloj, tra kie oni iras inferon?

Ĉiuj lin ekrigardis mirigite.

— Al infero, al la infero, kiu vojo kondukas? — klarigis laŭtvoĉe avo Matejko.

Oni ĝin montris al li kaj li direktis sin tien.

— Certe tien oni min metos, pensis li, mi atingu do ĝustatempe! Ne taŭgas por paradizo mi, malriĉa homo... la paradizo estas farita por la nobeloj. Kun ĉi tiuj ĉifonaĵoj kaj la krevetinta haŭto de la manoj ĉu oni permesos al mi iri tien! Okdek jarojn mi suferis kiel hundo kaj ĉu nun mi trovos ripozon? Vere, mi penis vivi laŭ la Diordonoj, sed kiun interesas ĉio ĉi? ĉu Dio tenus konton pri homoj similaj al mi? Oni min enskribis en la diabla kajero jam ĉe mia naskiĝo. Eĉ se mi estus nepekema, tamen mi estas pekinta almenaŭ unu fojon dum mia ebrieco!... Kaj mi drinkis! Pro sufero kaj ĉagreno ja mi drinkis, vere, sed mi drinkis. Ĉiuokaze bonvivo mankas, pensis mi — do almenaŭ drinku!...

— Drinku kaj estu kio estos! Mi bone preparis min por la infero. Nun tien mi iras. Se iu volas droni, li dronu almenaŭ en profunda akvo.

Longan vojon tramarŝis avo Matejko, profundiĝinte en siaj pensoj kaj jen, anĝelo neatendite ektiris lian pelton de malantaŭe.

— Haltu, he, homo, kien vi iras?

— Inferon mi ja iras — respondis la maljunulo.

— Inferon? Vi eraris pri la vojo, avo!

— He, mi ne eraris, mi iras la ĝustan vojon. Scias mi, kien mi devas iri, kvankam mi estas malklera homo.

— Sed vi estas enregistrita por la paradizo.

— Nu, knabo, iru vian vojon, ne moku maljunajn homojn, ĉar tio estas peko.

La anĝelo, kompreninte ke per boneco oni ne povas konvinki lin, ĉirkaŭprenis la maljunulon, kaj ekflugis alten al la lumaj ĉielaj spacoj, kie odoris je mirinda Smirn'a incenso kaj kie traflugis po grupe lumaj anĝeloj kun basilko* en la manoj kaj kantis ĝis sinforgeso: „Sankta, sankta, sankta Dio Sabaoth!"

— Kien vi portas min, knabo, la mastroj tie ekkoleros al vi, ĉu vi ne rimarkas ke mi malbonodoras je brando, — krias avo Matejko kaj sin tiras por forkuri, sed la anĝelo ĉiam pli kaj pli rapide flugas kaj portas lin pli alten al la pli luma spaco, ĝis ili atingas la paradizan pordon. Ĝi estis farita el oro kaj el multekostaj briliantoj kaj lumis kiel hela suno. Antaŭ ĝi staris Sankta Petro kun arĝenta ŝlosilo en la mano kaj kun dika kajero sub la brako.



Giovanni Bellini — Madono. Venecio, San Zaccaria

* Latine Ocimum basilicum; ruse basilik; bulgare bosilek; germane Basilienkrant, Königskrant; france basilic; angle basie.

— De kiu vilaĝo vi estas? — sin turnis li al avo Matejko, kaj komencis trafoliumi la kajeron. Avo Matejko havis nenian eblon por elturniĝi. Hm, hm...

— He, nu, de Podnene mi estas...

— De Po...?

— De Podnene! — ekkriis laŭte avo Matejko, kredante ke sankta Petro ne bone aŭdis.

— Po... Po... Po... trafoliumas la kajeron sta Petro — Podnene .. Bone... Senpeka.

— Ne povas esti... Vi eraras sankta Petro!

— Kiel erari?... Tio ĉi ne estas brasika kuko, sed kajero numerita, tralaĉita kaj surstampita de Dia mano — koleriĝis al li sankta Petro.

— Bone, sed poste vi ja ne pripentu — respondis avo Matejko

— Kial?

— He, he, homo, mi estas multe drinkinta kaj mi ne kredas ke mi estas senpeka.

— Multe vi drinkis, sed ankaŭ multe vi suferis, kaj al vi estas ĉio pardonita — respondis al li sankta Petro kaj malfermis la pordon.

— He, sankta Petro, ĉu ne estus eble ke mi enkonduku mian azenineton?... komencis peti avo Matejko, sed la anĝelo lin puŝis en la paradizon kaj li, konsternite de mirego, ne povis findiri sian parolon.



Gentile Bellini: La miraklo de l' sankta kruco. Detalo

Tuj kiam avo Matejko eniris la paradizon li rememoris pri sia edzino, kiu estis forlasinta la pekoplenan teron jam longe antaŭ li.

— Se oni lasis min ĉi tien, kiu drinkis, kaj ŝin batis, oni verŝajne metis ŝin en la paradizan mezon. Ŝi estis pli malsevera ol kokcinelo kaj pardonadis ĉion... Eh, kio estus okazinta al mi se ŝi mankus? kaj li sin turnis al anĝeleto.

— Hej, fluguleto, ĉu estas tie ĉi iu avino Mateica, propranome Trena?

— De kiu vilaĝo? — demandis la anĝeleto.

— De Podnene...

— Estas, estas — diris la anĝeleto kaj kondukis plu la maljunulon tra la paradizo.

— Ho, kia beleco, kiaj mirindaĵoj — miris avo Matejko, rigardante tiujn ĉi ĝlorindajn paradizajn belecojn, kiujn vidos nur la senpekuloj.

— Ĉu mi vidos ankaŭ pastron Nikolaj? — li komencis demandi la malgrandan anĝeleton.

— Kiun?

— Pastron Nikolaj de la malgranda preĝejo, kiu pruntedonis monon kun procentoj. Mi hontas lin renkonti. Mi ŝuldis al li, li mortis kaj mia ŝuldo same mortis.

— Pastro Nikolaj estas en la gudro, avo.

— Kion vi diras, ĉu estas eble?

— Honoran vorton!

— Sed li ja estis pastro?...

— Tute egale — Tie ĉi neniu demandas pri tio — al ĉiu laŭ liaj agoj; li estis pastro, sed pekadis. La episkopo, kvankam li estas tiarangulo, same estas en la infero.

— Ho, ne parolu tion!

— Kaj li estas punita, avo... Li estis episkopo, sed li estis fiera pro sia rango, kaj nur la nobelojn li rigardis kiel homojn, la malriĉulojn li eĉ ne ekrigardis, naŭziĝis pri ili kaj se li donis al ili almozon, li donis ĝin kun malestimo, penante pli baldaŭ liberiĝi de ili. Li sin vestis pompe kaj ĉiam tromanĝis, instruis tamen la homojn je sindeteno... Ĉu tio ne estas peko?

Avo Matejko frotis per la mano sian frunton kaj diris:

— Mi ja ne scias, ĉu estas peko, aŭ ne. Mi estas malklerulo, mi ne komprenas. — Lasu tion, sed alkonduku min en la drinkejon por ke mi trinku glason da brando, ĉar mia gorĝo brulas kiel karbo.

— Eh, avo, tie ĉi ne estas drinkejoj — diris la anĝeleto.

— Ah ĉu ne estas?

— Pro Dio, ne estas!

— Ho, kiaj simpluloj vi estas, ho! — ĉu estas eble ĉe tiuj ĉi belecoj, ke drinkejoj manku? Sed kie oni haltos por ripozi, trinki glason da brando kaj plifortiĝi? Ekrigardu min, de la tero mi venas, laca mi estas... Tie la pastro diris al ni, ke en la paradizo sin trovas ĉio, kion la animo ekdeziras kaj jen... Estus pli bone, se mi estus irinta en la inferon. Ĉu tie estas drinkejoj?

— Tie estas.

— Konduku min tien, mi vin petas, kia utilo de tiu ĉi kontenteco, se ne estas guto da brando! En la infero, vere, estas malbone, sed mi estas kutimiĝinta: mi suferos, kaj en bona horo mi drinkos kaj al mi fariĝos pli bone.

— Ne eblas, avo!

— Eh, — ĝemspiris la maljunulo — tio ĉi similas malliberejon! Ne povas oni iri kien oni deziras!

— Vi kutimiĝos, avo — provis lin konsoli la anĝeleto.

— Eh, ĉu ankoraŭ mi devas lerni? — ĝemspiris ree avo Matejko kaj komencis ruze.

— Aŭdu knabo, — li diris al la anĝeleto — bone estus se vi malfermus drinkejon tie ĉi — se mi renkontus la bonan Dion — rekte antaŭ liaj okuloj mi dirus al li ke estus bone... Unue ne estas loko kie haltu kaj ripozu la impostkolektisto, ni preterlasu ĉion alian!...

— Tie ĉi ne estas impostkolektistoj, avo.

— Ah, ĉu ne estas?

— Ne, ne estas.

— Oh, Sankta Dipatrino, vere, tie ĉi mi libere vivos — ekkriis pro ĝojo avo Matejko kaj krucosignante aldonis.

— Eh, tio ĉi al mi pleje plaĉas!

Kaj li ekiris rapide serĉi sian maljunan edzinon.

El la bulgara: GEORGI DONĈEV

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAŬLO VARSÁNYI: LA ITALA ARTO. VENECIAJ SKOLOJ



Pro siaj specialaj geografia situo kaj ekonomiaj cirkonstancoj *Venecio* ludis grandan kaj gravan rolon en la historio de l' itala arto.

La loĝantaro de l' urbo, komercanta popolo, tenis en siaj manoj la komercon de l' tuta Adriatika maro, sed sian komercan hegemonion etendis ankaŭ sur la Mediteraneon. Per siaj galeroj la venecianoj vizitis malproksimajn landojn. *Oriento* kaj *Okcidento* interŝanĝis la komercaĵojn sur la akvoj de l' respubliko kaj pagis pro tio grandajn limimpostojn. Venecio tiel akiris iom post iom tiel grandan potencon kaj riĉecon, kia estis senekzempla en tuta Eŭropo. La bonstato iĝis ĝenerala.

Majestaj marmorpalacoj kaj brilantaj temploj konstruiĝis unu post la alia sur la insuloj de la lagunoj kaj la urbo iĝis vere la „reĝino de l' maro". La riĉe ŝarĝitaj galeroj alportis la tutan pompon kaj brilon de l' malproksima mistika Oriento: la fajre brilantajn juvelŝtonojn de *Hindujo,* la milkolorajn silkojn de *Bengalio,* la tapiŝ-poezion de *Persujo,* la verajn perlojn de la *Persa*-golfo kaj la odorajn fruktaĵojn de l' spic-insuloj. Venecio floris kiel la multkolora, sorĉa Oriento kaj leviĝis sur tian altaĵon de l' vivarto, kiun eĉ la rafinita gusto de nia epoko povas admiri.

La potenco kaj la riĉeco kreis ankaŭ sian apartan arton. La orienta pompo kondukis la venecianojn al la amo pri la intensaj koloroj, kiujn ili pretendis ankaŭ en la pentrarto. Ili serĉis la fortajn kolorefikojn, kiuj respegulis la tutan riĉecon, pompon, lumon kaj brilon, kiuj ilin ĉirkaŭis. Ili serĉis la koloran paradon de l' drapiroj, la fajran brilon de l' juveloj, figurojn ĉirkaŭatajn de riĉaj ornamaĵoj kaj leviĝantajn majeste el la ora fono: ĉion tion, kion atingis la mozaikarto. Je tiaj efektoj klopodis la arto nur en *Bizantio,* kies solena majesteco, rigora seriozeco, tradiciaj formoj kaj rigida ceremonieco konvenis ankaŭ al la konservativa mentaleco de l' venecia nobelaro.

La evoluo, per kiu la venecia arto atingis sian floradon, estis tre malrapida. La kontinento de Italio deskuis la katenojn de la Bizantia arto jam du centjarojn antaŭe, kiam ĝiaj kreaĵoj estis ankoraŭ la solaj modeloj de l' pentristoj de Venecio. Kvankam ni ne trovas tie pentriston eĉ en la epoko de l' plej granda florado, kiu tiel penetris la profundojn de l' homa animo kiel *Lionardo* kaj verkis laŭ tiaj kolosaj proporcioj, kiel *Michelangelo,* tamen, la veneciaj skoloj donis la verajn *pentristojn* al la itala arto, kiuj la kolorojn — la efektivajn esprimilojn de l' pentrarto — plenigis per tiel sugesta forto, kiu malavare kompensas nin pro la psikologiaj motivoj kaj donas al ni tiajn valoraĵojn, kiuj estas fontoj de *l'plej grandaj* estetikaj ĝuoj.

Post la konvertiĝo de *Konstantino la Granda* la kristanismo en Bizantio iĝis ŝtatreligio kaj komencis la konstruadon de sia vastampleksa potenco. Konstruiĝis la unuaj preĝejoj de l' kristanismo, kiuj bezonis orname tiajn bildojn, kiuj povas esprimi inde la ĉiopovan potencon de l' eklezio. Al ĉi tiu celo plej taŭga estis la mozaikarto. Ĉi tiun arton ricevis la bizantianoj kiel antikvan heredaĵon, sed ili plenigis ĝin per tute nova spirito. En ĉi tiu spirito timige esprimiĝis la neŝancelebla kredo, fanatika dogmatismo kaj senkompata severeco de l' eklezio akirinta sian potencon. Jesuo — ĉirkaŭite de siaj kortegano j— kun malhela rigoro rigardas malsupren de la plafonoj de la preĝejoj, ne kiel amanta patro, sed kiel juĝisto punanta senkompate; la figuroj viciĝas unu post la alia kun rigida senmovo kaj malvarma majesteco; iliaj korpoj estas similaj al mumioj: estas ellongiĝintaj, sekiĝintaj kaj sensangaj, kiel tiuj de la asketoj, laŭ kiuj la sana korpo estas la plej granda malhelpaĵo al la transmonda feliĉiĝo.

La skemo de ĉi tiu rigida, sekiĝinta, asketa arto post la popolmigrado disvastiĝis en la tuta Eŭropo, ankaŭ en Italio. La venecia arto ekiris laŭ la postsignoj de ĉi tiu arto kaj portis ĝiajn katenojn eĉ en la XV-a jarcento.

Kun la apero de *St. Francisco el Assisi* nova spirita movado paŝis tra Eŭropo, kiu donis novan forton al la animoj tremantaj sub la despotismo de l' eklezio, Tiun fendegon, kiun la eklezio metis inter la homo kaj Dio, St. Francisco kunligis per la ponto de l' amo. Jesuo jam ne

estas punanta despoto, sed amanta patro, kiu donas konsolon kaj pardonon al siaj infanoj. Ankaŭ la Naturo estis absolvita de la malbeno, al kiu la eklezio kondamnis ĝin; ĝi jam ne estas la kulpa fonto de l' ĝuoj, sed tiu de la amo; la florado de l' printempo, la pompo de l' somero, la kampoj, la montoj kaj la arbaroj: jam ne estas kreaĵoj de Satano — ekzistantaj nur por doni kulpajn sentojn al la homoj — sed tiuj de la dia amo; la bestoj jam ne estas sorĉitaj demonoj, sed fidelaj kunuloj de l' Homo — liaj fratoj kaj fratinoj. — kiel predikis St. Francisco.

Nova printempo salutis la malsanan mondon, kiu revivigis ankaŭ la arton kadukiĝintan en asketismo. Ĉi tiu ŝanĝiĝo okazis en Venecio nur du centjarojn poste.

Kiel ni vidis, la venecia arto — ekiris laŭ la postsignoj de l' bizantia pentrarto. La brilantan pompon kaj malhelan majestecon de ĉi tiu arto ĝi poste unuigis kun la milda delikateco kaj mistika pieco de l' gotika arto. Ĉi tiun gotikan influon *Johannes de Alemannia*, Köln'a pentristo — kiu dum sia migrado vizitis la urbon kaj tie loksidiĝis — peris al Venecio. Ĉi tie li interrilatiĝis kun *Antonio Vivarini* — fondinto de la Murano'a skolo de l' Vivarini'oj — kaj la *Köln*'an milddecon li fandis en la bizantian rigidecon. El la „germana Assisi" li alportis tutan tiun intimecon, delikatecon kaj amon, kiuj estis propraĵoj de la nova spirito kaj donis tian vivĝojon al la venecia arto sekvinta la rigidajn, sensangajn tradiciojn de l' malnova arto, ke ĝi kvazaŭ renaskiĝis.

La kunlaboro de Antonio Vivarini kaj Johannes de Alemannia kreis multajn belajn altarbildojn garnitajn per gotikaj kadroj kaj ornamitajn per riĉe ornumitaj, plastikaj ornamaĵoj — sur kiuj la festa brilo de l' orienta pompo unuiĝas kun la silenta revado de l' Köln'a arto.

Ili forlasis la hereditajn skemojn de l' Bizantia arto kaj plenigis per nova enhavo la Venecian arton. Sur iliaj bildoj Maria jam ne estas tiel rigida kaj malvarme majesta, kia ŝi estis sur la malnovaj bildoj, — sed silenta, kvietanima kaj humila dipatrino, kiu ĉirkaŭprenas sian filon kun karesa amo. Jam ne la malvarma mistero de l' ora fono ĉirkaŭas ŝin, sed la ĉiela paco kaj supertera beleco de l'Para dizo.

Depost 1450 ankaŭ *Bartolommeo Vivarini* — frato de Antonio — partoprenis la gvidadon de l' skolo, kun insisto pri ties malnovaj tradicioj kaj fine ankaŭ *Alvise*.

Sed ĉi tiu milda, religia arto ne estis taŭga por pligrandaj problemoj. En 1419 la venecia senato volis doni indan ornamon al la Doĝopalaco: dezirate estis en viglaj bildoj prezenti la historian estintecon de Venecio. Ĉi tiun problemon la veneciaj pentristoj ne povis plenumi. Por tio estis invitita la umbria *Gentile de Fabriano*, kiu brile plenumis la komision.

Gentile da Fabriano riĉigis la venecian arton per novaj trajtoj. Li unuigis la principojn de l'sentema Köln'a arto kun la realismo de Giotto. Li enprofundiĝis en la plej delikataj detalaĵoj de l' Naturo, tamen sen tio, ke liaj verkaĵoj perdus sian ĉarmon kaj senperecon, kion admiris ankaŭ Michelangelo. *„Aveva la mano simile al nome"* — li diris pri li: „Lia mano estis simila al lia nomo" — t. e. *gentile* = ĉarma, delikata.



Antonello da Messina: Kristo ligita al kolono

Tiu realisma movado, kiu trairis Eŭropon en la XV-a jarcento, estis fidela esprimiĝo de l' homaj sopiroj, kiuj volis liberiĝi el la premantaj katenoj de l' asketismo kaj ĉi tie, sur la Tero vivi tiun vivon, kiun la religio promesis por la transmonda estado. La homoj ĉirkaŭrigardadis kaj rimarkis en la vivo kaj Naturo ĉiujn tiujn plezurojn kaj belaĵojn, kiujn la asketismo kaŝis de ili. Revenis la antikva gajeco

kaj revenis la antikvaj dioj. Revenis la profana sereneco de l' greka ora epoko kaj la homoj senzorge ĝuis la plezurojn de l' vivo. La tero jam ne estis plu ejo por la sinpreparado al la transmonda vivo, — sed mem la ĉiela regno.

„Inoj kaj junaj amantoj, — vivu Baĥo kaj la amo! Vi ĉiuj, muziku, dancu kaj kantu; la koro ekflamu pro la ama emocio; — doloro kaj turmento ĉesu, — kiu volas esti feliĉa, estu tia tuj. Por morgaŭ ja nenio estas certa". En ĉi tiu poemo *Lorenzo Medici* montras al ni la tutan animon de l' epoko, kiu metis la profanajn sensajn ĝuojn sur la altaron de l' vivo. La arto transformiĝis: se en la komenco de l' XV. centjaro ĝi estis ankoraŭ senta kaj mistika, — do en la fino de l' centjaro ĝi iĝis sensa kaj reala, kiu ekposedis la senteblan mondon anstataŭ la transcenda. La pejzaĝo kaj la homa korpo venis en la arton triumfe. La arto, ĝis nun religia, profaniĝis: deskuis la tutelon por ke ĝi vivu poste nur por si mem.

„Por morgaŭ ja nenio estas certa" — diris Lorenzo Medici, kvazaŭ antaŭsentante la muĝadon de l' malproksima ventego, kies minacanta teruraĵo jam estis kasiĝanta en la aero. Al la penantoj kaj suferantoj: al la popolo estis jam sufiĉe el la volupto: . . . ĝin kaptis febra dezirego al la feliĉiĝo. La reakcio ekiris en la popolo, kiu iom post ion plifortiĝis, — fine trovante apologiston en Savonarola — ĝi eksplodis kun elementa forto.

Ektondris la ĉielo kaj malheliĝis, kovrante ĉion per sia nigra funebro kaj la ĝisnunaj homaj idealoj falegis en polvon. Kiel detruanta fulmo batis Savonarola sur la tablon diboĉantan en teraj bonaĵoj de l' XV-a centjaro kaj de tie forpelis la antikvajn diojn. Li portis en la animon de l' malkvietaj popolamasoj tiajn ideojn pri rezigno al la vantaĵoj de l' vivo kaj pri asketismo, kiuj la mondrigardon subite transformis. Liajn vipbatojn ankaŭ la arto ne povis eviti. La guston de l' grandaj popolamasoj — kiuj volis konsolon kaj instruadon — ne povis kontentigi la ĝisnuna arto. La popolo atendis animajn emociojn — kaj anstataŭ tiuj ricevis artan programon, en kiu plene esprimiĝis la gaja epikurismo de l' epoko. Savonarola predikis tiajn artajn principojn, kiaj ekzistis ankaŭ en la komenco de l' XV. jarcento, sed tiujn lia fanatika entuziasmo metis en tian radiantan lumon ke ili ŝajnis esti kvazaŭ novaj. „Nur la anima beleco estas bela. — li predikis — Rigardu pian homon — ĉu viron, ĉu virinon — kies koron plenigis la sankta spirito; rigardu kiam li preĝas kaj superverŝas lin la ĉiela entuziasmo kaj vi vidos, ke la beleco de Dio radias de lia vizaĝo kaj estas liaj trajtoj, kiel tiuj de la anĝeloj". Ĉi tiu arta programo — kiu estas la sama kiel la Köln'a mistikismo, kiu fandis la korpecon en la facilajn viziojn de l' religia entuziasmo — denove unuigis la kristanajn idealojn kun la arto.

Venecio — ĉi tiu konservativa urbo — estis fidela sekvanto de ĉi tiuj idealoj, kiuj denove ekvivigis la mezepokajn stilojn. En la mano de Bartolommeo Vivarini denove ekfloris la rigida malnov-bizantia arto, kiu trovis sian plej indan reprezentanton en *Carlo Crivelli.*

La Madono-bildo* de Crivelli — estanta en la budapesta Muzeo de Belaj-Artoj — estas unu el liaj plej karakterizaj kreaĵoj. Madono sidas kun malvarma majesteco sur sia trono —tenante la etan Jesuon sur siaj genuoj — ĉirkaŭate de la brilanta lukso de l' bizantia arto. La poezio de l' pompo estas ĉi tiu bildo, himno, el kies ardantaj akordoj majeste leviĝas Maria. La rigida soleneco de ŝia pozo kun la afekta delikateco de ŝia kapmovo kaj kun la nervoze delikata gracio de ŝia suprenlevita mano formas tian kontraston, kiu altiras kaj same konfuzas nin. La malsane transspiritiĝinta esprimo de ŝia vizaĝo kaj la virge klara rigardo de ŝiaj okuloj elradias la novan spiriton, sed la afekta gracio de ŝiaj delikataj, sensangaj, diafanaj fingroj ankoraŭ la rafinitecon de l' realismo. Crivelli unuigis sur ĉi tiu bildo la animojn de la du artaj epokoj en novaj akordoj, el kiuj sonoras nekaŝeble la artifika transspiritiĝo de l' religia pieco: la tuta afektemo de lia arto.

Tiu artisto, kiu donis pli indan esprimformon al la nova spirito, *Giovanni Bellini*, edukiĝis en la skolo fondita de *Jacopo Bellini* (1400—1471), kies merito estas la kunfando de la skoldirektoj de Umbria, Padova kaj Firenze. Liaj filoj: *Gentile* kaj *Giovanni* sekvis komence en Padova la direkton de sia bofrato *Mantegna,* sed en Venecio ilia paletro akiris pli molajn kaj pli varmajn kolorojn.

*Gentile Bellini* (1427—1507) estis inspirata en sia arto per la objektiva apero de l' Naturo. Do lia arto moviĝas inter la kadroj de la realismo. Krom bonegaj portretoj li priverkis la legendajn okazaĵojn de la historio de Venecio kaj la memorojn de sia orienta vojaĝo. En sia bildo prezentanta la miraklon de l' sankta kruco — nun en la venecia *Accademia di Belle Arti* — li montras al ni la multkoloran, pulsantan vivon de la urbo de lagunoj, kun figuroj realismefidele observitaj kaj kun profundperspektiva arkitektura fono.

*Giovanni Bellini* (1428—1516) kreis novan epokon en la historio de la venecia arto. Ĉar sian junecon li pasigis en Padova, apud sia patro kaj Mantegna, kies bildoj pri la priplorado de Kristo profunde impresis lin — liaj figuroj komence ankoraŭ estas rigidaj kaj amar-esprimaj, sed en ili jam estas okulvidebla lia evoluanta individueco. Ekkoninte la teknikon de la oleopentro, kiun Antonello da Messina, la Sicili-devena pentristo, revenante el Nederlando disvastigis en Venecio, subite li trovas sin mem.

Male al la realisma naturobservo de *Gentile,* li rigardis la mondon per la okuloj de revulo. Lia arto gvidas nin al supertera mondo, mal-

* Sur nia titolpaĝo.

proksimen, al la mirinda lando de l' sonĝoj, kie la vivo estas granda harmonio, en kies senlimeco la spaco fandiĝas kun la tempo. Tie ne estas suferoj kaj ne estas — ĝojoj, ne estas pasioj kaj ne estas — deziroj, nur senmova silento, nur eterna paco, en kies pia adoro ni forgesas pri la materiaj belaĵoj de l' vivo.

Per siaj Madonbildoj li kreis novan tipon, kiu havis grandan efikon al la venecia pentro. Li atingis, kion ne povis atingi la superdelikata arto de Crivelli: li donis la solvon por esprimi plej sincere kaj inde la bel-idealon de Savonarola. Lia Madono en la venecia templo *San Zaccaria* estas tia. kian povis sonĝi nur tiu dominikana monaĥo.

La skolo de Giovanni B. tiris multajn pentristojn en sian sorĉan sferon. *Alvise Vivarini* vane batalis por la malnovaj Bizantiaj tradicioj kaj liaj disĉiploj: Cima kaj Basaiti transiris en la skolon de Bellini.

*Cima da Conegliano* (1459—1517) kaj *Marco Basaiti* (1470—1527) post la deskuo de la malnovaj tradicioj, plenigis siajn bildojn, sub la influo de Bellini, per mole sentimentalaj, lirikaj trajtoj kaj riĉigis ilin per novaj pejzaĝpentraj elementoj. La direkton de la legendaj bildoj de Gentile Bellini sekvis *Vittore Carpaccio* (1478—1525). Liaj plej konataj verkoj pri la legendo de sankta Urseolo — en la venecia Akademio — prezentas al ni la realon trasorbigitan per la sorĉo de revoj, en moviĝema kompozicio kaj naiva intimeco. *Andrea Previtali* (1480—1528) *Vicenzo Catena* († 1531) kaj *Girolamo da Santa Croce* (†1556) estas same inspiritaj de l' dolĉa intimeco kaj transcenda paco de Bellini. La Nederlandan efikon, peritan de Antonello da Messina, *Marco Marziale* unuigis kun la Bellini'aj tradicioj.

Dum la veneciaj pentristoj silente revadis, kaj pentris Madonojn rezignantajn pri ĉiuj sensaj ĝojoj kaj vantaĵoj de l'vivo, estiĝis en Italio nova spirita movado, per kiu triumfe venkis la senseco. Ĉi tiu nova spirito baldaŭ ekefikis ankaŭ al la venecia arto kaj venis Giorgione, pri kiu ni parolos alian fojon.

(Fonto: R. Muther: La hist. de l'arto.)

---

# VIRO EN MARON!

VICENT BLASCO IBANEZ



espere forveturis de *Torrevella* la velŝipo *Sant Rafel*, plenŝarĝita per salo, al Gibraltar.

La holdo estis tute plena kaj sur la ferdeko la sakoj amasiĝis formante veran monton ĉirkaŭantan la ĉefmaston.

Por trapaŝi de la antaŭo al la malantaŭo de l' ŝipo, la ŝipanoj estis devigataj paŝi sur la bordoj kun danĝera ekvilibrado.

La nokto estis bona; nokto somera, kun steloj plenigantaj la tutan firmamenton kaj kun venteto freŝa, iom neregula, kiu jen plenblovis la grandan velon latinan ĝis ĝemigo de l' masto, jen ekhaltis svene, faligante la grandegan tolon kun flugilsimila brubatado.

La ŝipanaro, kvin viroj kaj unu junulo, vespermanĝis post la ekvetura marlaboro kaj jam puriginte per pano la kaldronon, en kiun de la ŝipestro ĝis la lasta metilernanto ĉiuj enŝovis pecojn da *rollo*[1] kun marista frateco, malaperis tra la plankpordo ĉiuj ŝipanoj deĵorliberaj por ripozigi sur la malmola matraceto la ventrojn plenplenajn de vino kaj melonsuko.

Ĉe la direktilo restis onklo[2] *Chispes*, sendenta skvalo, kiu akceptis kun senpaciencaj gruntoj la la lastajn ordonojn de la ŝipestro, kaj apud onklo *Chispes* sidis Johano, metilernanto, kiu faris en *Sant Rafel* sian unuan vojaĝon ... kaj li estis tre dankema al la onklo, ĉar dank' al li oni akceptis lin en la ŝipanaron, sufokante tiamaniere lian malsaton, kiu ne estis malgranda.

La mizera velŝipo ŝajnis al Johano ia admirala militŝipo, ia ensorĉita barko naviganta tra la maro de la abundeco. La vespermanĝo de tiu nokto estis la unua vespermanĝo serioza, kiun li ĝuis dum sia vivo.

Li estis deknaŭjara, malsata kaj nuda kvazaŭ sovaĝulo. Li dormadis en ruiniĝinta barko, kie ĝemetis kaj preĝadis lia avo senmova pro reŭmatismo; dumtage li helpis albordigi barkojn, deŝarĝi korbojn da fiŝo, li iris, kiel parazito, en tiajn ŝipojn, kiuj persekutas la tonfiŝon kaj la sardinon, por porti hejmen plenmanon da ili. Sed nun dank' al onklo *Chispes*, kiun li tre amis pro tio ke li estis konanta lian patron, li estis vera maristo, li jam estis survoje por fariĝi taŭga homo, li povis *kun plena rajto* enŝovi la brakon en la kaldronon, kaj li eĉ uzis ŝuojn!... la unuajn dum sia vivo ... ili estis du grandaj ekzempleroj kapablaj navigadi same kiel fregato ... rigardante ilin li eniĝis en maron de admirado. Kaj oni parolaĉis ankoraŭ, ke la maro!... Nu... se tia, ĝi estas la plejbona metio en la mondo!

Onklo *Chispes*, ne forigante la rigardon de la ŝipantaŭo, nek la manojn de sur la direktilo, kurbigante sin por esplori la mallumon inter la velo kaj la amaso da sakoj, aŭskultis lin kun bonkora rideto.

— Jes, vi ne elektis malbonan metion. Sed ĝi havas bankrotojn. Vi vidos ilin ... kiam vi havos mian aĝon ... Sed via loko ne estas

[1] Valencia rondforma pano.
[2] En Valencio oni nomas onklo iun ajn sinjoron kaj ofte, kiel en ĉi tiu okazo, la esprimo estas ŝerca.

ĉi tie: iru al la ŝipantaŭo kaj avizu, se vi vidas antaŭ ni ian ŝipon.

Kaj Johĉjo kuris sur la bordo kun la memfida trankvilo de marborda vagulo.

— Zorge, he, zorge!

Sed li jam estis en la ŝipantaŭo kaj sidiĝis sur la busprito, esplorante la nigran surfacon de la maro, kie reflektiĝis kiel serpentoj la lumfadenoj de la steloj.

La velŝipo, dikventra kaj peza, falis post ĉiu ondego kun solena ĉ a p!, resaltigante la akvogutojn ĝis la vizaĝo de Johĉjo, du fosforantaj saŭmfolioj elglitis el la du flankoj de la dika ŝipantaŭo, kaj la velo plenblovita, kun sia pinto perdiĝinta en mallumo, ŝajnis grati la ĉielon.

Al kia reĝo kaj al kia admiralo estis pli bone ol al ŝipjunulo de lia *Sant Rafel!* Brrr!

Lia ventro plenplena salutis lin per ruktoj de kontenteco. Vivo belega!

— Onklo *Chispes* . . . cigaredon.

— Venu prenu ĝin.

Johĉjo ekkuris sur la bordo de la flanko kontraŭa al la vento. Estis momento kvieta kaj la velo friziĝis kun fortaj ekmovoj minacante fali sveninte laŭlonge de la masto. Sed venis ventblovo kaj la ŝipo kliniĝis rapidmove; Johĉjo gardis la ekvilibron, alkroĉiĝis al la ekstremo de la velo kaj en la sama momento ĉi tiu ekplenbloviĝis kvazaŭ por krevo, pelante la velŝipon kun granda rapideco, kaj forpuŝante la tutan korpon de la junulo per forto tiel nerezisteubla, ke ĝi forĵetis lin kiel per ŝtonĵetilo.

Kun la bruo de la akvo, kiam ĝi englutis Johĉjon, kredis tiu ĉi aŭdi ekkrion, vortojn malprecizajn; eble estis la maljuna direktilisto, kiu ekkriis: Viro en la maron!

Johĉjo malsupreniris multe, multe, multe!, duonkonscie pro la ekbato, pro la neatendo de la ekfalo, sed antaŭ ol kompreni klare tion, kio al li okazas, li vidis sin braksvinganta, forte ensorbanta la freŝan venteton de la maro . . . Kaj la ŝipo? Li jam ne vidis ĝin. La nokto estis tre malluma; multe pli malluma ol vidate el la ferdeko de la velŝipo.

Li kredis ekvidi blankan makulon, fantomon flosantan en la malproksimo sur la ondegoj kaj li naĝis al ĝi. Sed subite li jam ne vidis ĝin tie, sed en alia loko pli malproksima, kontraŭa al la unua, kaj li ŝanĝis la direkton, naĝante kun la tuta forto, sed ne sciante kien li naĝas.



Andrea Previtali: Madono

La ŝuoj pezis al li kvazaŭ ili estus plumbaj; malbenindaj! la unuan fojon kiam li uzas ilin!

La ĉapo turmentis liajn brovojn, la pantalono tiris lin kvazaŭ ĝi atingus la fundon de la maro kaj balaus la akvon.

— Trankviliĝu, Johĉjo, trankviliĝu.

Kaj li forĵetis la ĉapon, bedaŭrante ne povi agi same kun siaj malbenindaj ŝuaĉoj. Troa memfido. Li naĝis tre lerte. Li sin sentis sufiĉe forta por du horoj. Tiuj sur la ŝipo revenos por serĉi lin: malsekiĝo kaj nenio plu . . . Ĉu tiel facile mortas la homoj? Dum tempesto, kiel mortis lia patro kaj lia avo, bone; sed en nokto tiel bela kaj kun bona maro, morti forpuŝite de velo estus ja morto malsprita.

Kaj li naĝis, naĝis ĉiam kredante vidi tian ŝanceliĝantan fantomon, kiu ŝanĝis la lokon kaj esperante ke el tiu mallumo aperos la *Sant Rafel* serĉante lin.

— He! Onklo Chispes!... ŝipestro!

Sed la kriado lacigis lin, kaj dufoje la ondegoj ŝtopis al li la buŝon.

Malbenindaj! El la ŝipo ili ŝajnis sensignifaj, sed meze de la maro, enigita ĝis la kolo kaj devigata movi la manojn konstante por subteni sin, ili sufokis, batadis lin per sia verda ondomovo, malfermante antaŭ li fundajn kaj moviĝantajn kavojn, kiuj tuj fermiĝis kvazaŭ ili volus engluti lin.

Li fidis ankoraŭ, sed kun certa maltrankvilo, je siaj du horoj de naĝrezisto. Jes: li fidis je ili.

Du horojn kaj pli li ja naĝadis apud la marbordo . . . kaj sen laciĝo. Sed tio estis dum sunbrilaj horoj, en tiu maro de blua kristalo, vidante interne, tra ĝia fantazia diafaneco, la flavkolorajn rokojn kun iliaj pintaj herbetaĵoj kiel verdaj koralbranĉoj, la rozkolorajn konkojn, la perlamotajn stelojn, la helajn florojn kun karnosimilaj folioj, kiuj tremetas, tuŝitaj de la arĝenta ventro de l' fiŝoj; sed nun li troviĝis en maro de inko, perdite en la mallumo, embarasite pro la vestaĵoj, havante sub siaj piedoj kiu scias kiom da ŝipoj detruitaj, kiom da kadavroj senkarnigitaj de la kruelaj fiŝoj! Kaj li ektremis je la kontakto de sia malseka pantalono, kredante eksenti la tuŝon de iliaj dentoj, akrepintaj kiel ponardoj . . .

Laca, malforta, li dorsekuŝiĝis fordonante sin al la ondegoj. La gusto de la vespermanĝo supreniĝis al lia buŝo. Malbeninda manĝo kaj kiom kostas gajni ĝin! Fine li eble mortos tie . . .

Sed la vivinstinkto levis lin el tiu teniĝo.

Eble oni serĉas lin kaj se li estas kuŝanta, oni preterpasos apud li ne vidante lin. Refoje naĝadi kun la korpremo de l' malespero; levigante sin per la kresto de la ondegoj por rigardi pli malproksimen; irante tien kaj reen, movante sin ĉiam en unu sama cirklo.

Oni forlasis lin kvazaŭ ĉifonon falintan el la ŝipo. Dio mia! ĉu tiel facile oni forgesas homon? Sed ne: kredeble oni serĉadas lin en tiu momento. „Lia" ŝipo kuris tre rapide: antaŭ ol oni estus suprenirintaj al la ferdeko kaj malligintaj la velon, ĝi jam estus je pli ol unu mejlo.

Kaj karesante ĉi tiun iluzion li enfundiĝis dolĉe, kvazaŭ oni tirus lin de la ŝuoj... Li eksentis en la buŝo la salpetran maldolĉon: liaj okuloj blindiĝis, la akvo sin fermis super lia razita kapo; sed inter du ondegoj formiĝis malgranda akvoturno, montriĝis du manoj nerve kuntiritaj kaj li reaperis.

Al li dormiĝis la brakoj: la kapo kliniĝis sur la bruston kvazaŭ venkita de dormemo. Al Johĉjo ŝajnis, ke la ĉielo tute ŝanĝiĝis; la steloj estis ruĝaj kiel sangogutoj, jam ne timigis lin la maro; li sentis deziron fordoni sin al la akvo, ripozi.

Li rememoris pri sia avino, kiu en tiu momento eble pensas pri li. Kaj li volis preĝi same kiel milfoje li vidis sian avimon tion farantan. *Patro nia, kiu estas en la ĉielo* . . . Li preĝis mense, sed ne atentante pri tio, kion li faras. La lango moviĝis mekanike, kaj li ekdiris per voĉo tiel raŭka, ke ĝi ŝajnis al li el aliulo: Friponoj! perfiduloj! vi forlasas min! . . .

Li dronis denove: malaperis sensukcese baraktante por sin subteni. Iu tiris lin de la ŝuoj . . . Li serĉis en la mallumo, trinkante akvon, rigide, sen fortoj, sed ankoraŭ senkonscie li ree aperis sur la surfaco.

Nun la steloj estis pli nigraj ol la ĉielo eliĝante el ĝi kiel inkogutoj

Ĉio finiĝis . . . ĉi tiun fojon li vere iris funden: lia korpo estis plumbo, kaj malsupreniris en rekta linio, trenita de la novaj ŝuoj: kaj lia falo estis al la abismo de la ŝipoj rompitaj kaj la skeletoj elmanĝitaj, la cerbo ĉiam pli kaj pli perdita inter densaj nebuloj, ripetadis: *Patro nia* . . . *Patro nia* . . . friponoj! friponoj! perfiduloj! Vi forlasis min!!

El la kataluna: *Antoni Dura*

---

# BRONZO SONANTA

**(TRA LA POEMARO DE K DE KALOCSAY)**

Vespere, en la kora, dolora monotono,
Subite, jen, eksonas la sonorila sono
Kun frapo ĝemanta,
Kun voĉo tremanta.
La batoj ekbruas, fenestron ekskuas
Kaj milde ekfluas muĝado la sorĉa.

Iun belan vesperon tiel, per mirinda muzika lingvo, eksonis la *koro* de la poeto-mikrokosmo, kaj tra la tuta makrokosmo, tra la granda *mondo,* al ĉiuj ĝiaj anguloj, kie troviĝas homoj, kies brustojn ornamas verdaj steletoj, — ekfluis la elastaj, ĉarmantaj, bronzaj ondoj de l' sonoro.

Ili ekskuis la *fenestrojn* de multaj noblaj animoj, ili tremigis ankaŭ niajn korojn kaj en niaj konscioj aperigis novan, grandan fieron. Ĉiuj ni kun atento kaj flama scivolo nin turnis laŭ la direkto, de kiu venis la bronzonda torento.

Ĝi flugis al ni el lando, kiu estis travivanta daŭran eksteran militon, kun multaj internaj tempestoj kaj tial la tono de la sonorila muziko ŝajnis esti ofte plenda kaj ĝema, ĝiaj apartaj tintoj gutis kvazaŭ larmeroj.

Sed, malgraŭ ĉio, la ĝenerala melodio estis harmonia kaj virga, kiel himno, la sincerecoj de l' tonoj penetris profunde en la animojn de la aŭskultantoj, kiuj ne sciis pri kio prefere miri, ĉu pri la dolĉa muziko de la sonoriloj, ĉu pri la nobla kaj flamkora alvoko al la interhoma amo kaj kompreno, kiu sonis en la metalaj akordoj, ĉu pri la novaj belegaj formoj de la lingvo, majstra posedaĵo de la poeto.

La enhavo de la sonorilaj plendoj, kvankam en novaj, freŝaj ekzemploj, estis tamen rekanto de la malnova, ĝis nun ĉiam en la mondo akre aktuala temo, varianta ĉiutage, sed nenion perdanta en sia konstanta doloriga esenco. Pasis jam pli ol dekkvin jaroj de la momento, kiam la mortinta Majstro faris sian faman paroladon en la Londona *Guildhall.* Ĉiam tre sindetena en la prituŝo de naciismaj temoj, subite li ekparolis tiam kun elokvento kaj fajro de vera patrujamo. Li forte altigis la voĉon pri la subpremo de unuj gentoj kontraŭ la aliaj, li veis la dependan staton de sia amata naskolando kaj li eĉ akcentis en la parolado, ke erare oni opinias la esperantistojn nur revemaj internaciistoj-fantaziuloj; kontraŭe, ili scias tre varme ami kaj kundolori la patrujon.

Jen, — pasis nur mallongaj dekkvinjaroj de tiu momento kaj la vizaĝo de la maljunulino Eŭropo ŝanĝiĝis nerekonebla. Kvazaŭ ia nevidebla mano ŝanĝis la poziciojn de la figuroj sur ŝaktabulo. La patrujo de la majstro jam estas sendependa, dum aliaj landoj, ĵus-antaŭe brilaj, fortaj kaj potencaj, kuŝas en la polvo de mizero kaj suferoj. La homaro perdis kolosan energion por tiu ŝakluda ŝanĝo de l' regnoj kaj limoj, perdiĝis milionoj da freŝaj, junaj vivoj kaj fluis riveroj da sango, sed — rajtas ni demandi — ĉu apenaŭ unu malgranda paŝo estas farita al tio, ke malaperu la **ĉefa kaŭzo,** pro kiu reĝas la monda malkonkordo kaj tiu kaŭzo ĝis nun restas la subpremado de unuj popoloj kontraŭ la aliaj.

En sia apelo al la tutmonda diplomatiistaro Zamenhof estis montrinta la urĝan bezonon forigi tiun kaŭzon por la bono de l' homaro, sed lia voĉo dronis en la maro de ruzaĵoj, artifikoj kaj kaŝitaj mokoj. La sincereco kaj fratamo restas ankoraŭ senrezulte frapantaj sur la murojn, dividantajn la gentojn kaj regnojn.

En rekta konsekvenco al la la nomitaj tezoj de la Majstro aperas ĉefa parto de la poezio de nia ŝatata samideano, dro Kolomano de Kalocsay, kiu ankaŭ aspiras la *pacon konstantan* inter la popoloj kaj dume prikantas la mizerojn de sia amata, malfeliĉa patrujo, priploras ĝiajn ankoraŭ freŝajn vundojn, ricevitajn en la kruela lukto inter la gentoj kaj regnoj. Kiel Zamenhof, kiel tre multaj el ni, li esperas, ke la veran unuecon de lia samsanga popolo povus savi kaj ĝiajn vundojn kuraci nur la amo kaj reciproka kompreno inter la popoloj; li kredas, ke la amo venkos la malluman nokton de la hodiaŭo, ke la „Nova Sento" malgraŭ ĉio, tamen trovos la vojon inter la homaj koroj kaj por tio

Lukti ni devos en bataloj multaj:
Jen malamikoj: la anima frost',
Blinda malam' kaj malkomprenoj stultaj.
Veoj alarmas por batal' benata,
Grandaj mizeroj vokas nin por arm'.
Jen la armiloj: la laboro frata,
Brak' brakumanta kaj la kora varm'.

La unuajn plej belajn akordojn de siaj poemoj Kalocsay fordonas al tiu „Nova Sento" kaj fariĝas ĝia elokventa apologiisto. En paro kun ĝia minstrelo, Julio *Baghy* — ambaŭ poetoj scias ektuŝi en niaj koroj multajn eĉ ne konatajn por ni mem kordojn kaj ambaŭ bonege prezentas en siaj verkoj tiun internan stimulon, sen kiu la esperantista literaturo estus kvazaŭ sen animo.

Sed, aspirante la identan celon, ŝajne parencaj laŭ la eksteraj formoj de la verkoj, — la nomitaj poetoj estas tre diferencaj laŭ la konstruaj metodoj kaj tendencoj de sia verkado; al ĉiu el ili apartenas speciala formo de poezia pentro kaj esprimo.

Baghy ĉerpas la esprimon ĝenerale el liaj propraj impresoj, travivaĵoj, ĝuoj kaj doloroj. Sur siaj propraj ŝultroj li sentas la tutan pezon de la monstra konstruo de nia socia vivo; lian delikatan animon pikas la sovaĝa intelekto de la ĉirkaŭantoj; li ne eltenas la inkubojn de vivo kaj ofte li falas en senesperan pesimismon. Sin armante por la batalo kontraŭ la h o m a n e p e r f e k t e c o ĝ e n e r a l a, li fariĝas „v a g a b o n d' d e l' m o n d o", serĉanto kaj propaganto de la tuthomara konkordo, kiu postulas de ĉiu aparta homo idealan sinperfektigon, alivorte: veran „homecon". Li adoras la individualismon, la internan renaskiĝon de homo; la poeton tedas la leĝoj de la nuntempa socia disciplino. En siaj aspiroj li transpaŝas, kvazaŭ nerimarkeble, la limojn de la regnoj, li libere vagas de lando al lando, de homo al homo, de koro al koro kaj per la nektara dolĉo de lia poezio li vekas la dormantojn, instruas la novicojn. Sian *koron* li ne apartigas de la cetera *mondo* kaj ĉiu pulsbato de la lasta estas samtempe forte sentata de la unua.

Kontraŭe, Kalocsay sentas sin nur unu aparta ero de la grandega kolektivo — sia popolo, li sentas sin forte ligita al ĝi kaj al la patruja tero, li kunvivas ilian vivon, ensorbas iliajn larmojn kaj kundoloras la dolorojn. Tie, trans la limoj de cirklo, tiom kara al la *koro* de l' poeto, kuŝas la *mondo*, minacanta kaj baraktanta en absurdaj luktoj. Ne estas eble al Kalocsay lasi la sangantan patrujon, sian belan Hungarlandon, pri kiu li filame parolas:

Mi forte radikiĝas en kara ter' nacia,
El ĝi suĉita estas ja tuta forto mia.

Lia patrujamo estas sincera kaj konscia, li ne neas ĝin ankaŭ ĉe la aligentanoj kaj li turnas sin al ili, petante la koran komprenon — la solan eblan kuracilon —, kiu devas akceli la estontan pacan interkonkordon de la popoloj.

Por vagi tra la mondo Baghy kunportas nur sian sorĉan liuton, per kiu li akompanas la predikojn kaj alvokojn kaj kiu malŝlosas antaŭ li la pordojn de multaj sinceraj koroj. Por Kalocsay, kontraŭe,

Ekiri kiel la migruloj

signifus amaran staton de menso, animan malstreĉiĝon kapablan doni la temon nur al lia „Maldolĉa kanto". Nur en splena, pesimisma minuto li volus

Rezigni pri ja vana lukto

kaj

Sen cel', sen hejmo vagi sola.

Sed tiu okazaj minutetoj de spleno rapide pasas kaj Kalocsay decide restas apud la hejma fajrujo, meze de la kara lando, kiun ĉirkaŭas je ĉiuj direktoj la ĉinaj muroj de malkompreno. Li scias, ke la delikataj sonoj de liuto, venkantaj la korojn en intima proksimeco, ne taŭgus por trabreĉi tiujn murojn. Por tio oni bezonas alian, multe pli fortan rimedon. Kaj ni vidas la sagacan Kalocsay supreniranta la mirindan sonorilejon de lia poezio. Unu momento — kaj la limoj estas venkitaj, la himnoj kaj alvokoj, admonoj kaj plendoj fluas senbare trans la ĉinajn murojn per bronza simfonio.

La sonoro de sonoriloj, ĉu kloŝ-, ĉu tamtamformaj, estas unu el la plej antikve universalaj elmontroj de la simpla, forta kaj harmonia muziko. La homaro tre ŝatas tiun belan povon de sonoro kaj de pratempoj uzas ĝin por siaj religioj, ritoj kaj simboloj. La sonoro estas konstanta akompananto de tuta nia vivo. Per sonoriloj oni vokas nin al preĝoj, per sonorbatoj oni kalkulas la horojn kaj minutojn de nia vivo.

Mistere sonoras la meznokta horloĝo, anoncanta la alvenon de Nova Jaro. Tordas la animon la ekscita alvoko de l' sonorilo alarma... Kies koro ne mildiĝos, dum pace benas la subirantan sunon „sonoriloj de l' vespero, sonoriloj de l' vespero"?... Kies koro ne kunpremiĝos pro la funebra sonorileja lamentado, akompananta la enterigon de homo?... La delikata animo de la poeto, ekster tiuj materiaj formoj de sonoro, perceptas ankaŭ la sonoron, per kiu estas kvazaŭ traigita la tuta mondo, en la ritma paso de la vivo.

Kalocsay adoras kaj alte taksas la pruvitan forton de la sonoriloj kaj ĝin li elektas por sia servo. Li scias disfandi la doloran monotonon de sia *koro* por transformi ĝin je fonto de sonora harmonio.

El mia, pro sopir' brulanta kor'
Ardante fluas mia amsufero,
Metal' rigida el fluanta fero:
Obtuza vers' fandiĝas el dolor'.

Li faris bronzon de „Sonorilludo" por krei la veran vesperan preĝon de l' koro, dum en la *„Maja Idilio"* la ondoj de l' triloj ka tintiloj brilas kokete kaj ĝoje, kvazaŭ saturitaj per la radioj de hela printempa suno, por dece akompani la dolĉan majon de la juna amo.

Kune kun la poemoj el metala lingvo, ĉiam plej originala kaj rava, ĉiam en la eltenita majstra kompono, Kalocsay estas enkondukinta en la Esperantan poezion ian apartan kulton de gracie tornita vortokombino, de elasta kadenco, de rapidaj sonludoj kaj spiritaj sonimitoj, triloj kaj tintoj. Posedanto de subtila gusto, li preferas verki komplikajn polifoniaĵojn, kiuj, malgraŭ la oftaj kuraĝaj asonancoj kaj subitaj cezuroj, tamen restas, ĝenerale zorge kaj bele mezuritaj.

Eĉ la falsajn stumbletojn oni facile pardonas al la poeto, ĉar se lia versa ĉeno foje dekliniĝas de la gramatika reguleco, tiam aperas por savi la situacion la logiko de sona harmonio:

Ĉar kreis li miraklon: la tutan homan genton
Per am' unuigontan miraklan Fundamenton.
(Je la naskiĝtago de dro Zamenhof)

La citita frazo, kvankam ĝi estas malekvilibra gramatike kun sia preskaŭ seninterrompa „akuzativeco", sed ne perdas la sencon kaj ĝia belsoneco ĉion pravigas. Kion fari!...

De l' vigla fraz' pasad'
Per vojo de nomad'
Estas fome falsa,

kiel diris la moderna rusa poeto Belmont.

En siaj aspiroj kaj kreoj Kalocsay preferas la klaran naturan lingvon, ol lingvon abstraktan aŭ simbolan, sed okazas tamen, ke ankaŭ liajn strofojn ofte kovras la nebuleto, kaj tiu lasta aperas, kiam, pro la postuloj de la ritmo kaj melodio, li daŭre varias la saman temon, aldonas al ĝi brilajn surkonstruojn, alivorte — kiam li venas al la centro de la verkata poezia frazo kvazaŭ per longa spirala vojo. Tio certe ne estas manko. Tio montras, ke per la longa vortoĉeno Kalocsay kvazaŭ intencas hipnoti nin por forŝiri el la reala vivo de prozo kaj tra la sorĉa ŝtuparo de l' strofoj forkonduki al regiono, kie reĝas la eterna liriko de koro, venkanta tempon kaj spacon. Oni nur devas doni al la poeto sian tutan atenton kaj adoron kaj fidele sekvi la vortojn kaj sonojn de liaj poemoj.

Kalocsay bezonas tiujn adorantajn, komprenemajn legantojn, kiuj kapablus rimarki ĉe li, trans la sonoraj vortoj kaj melodiaj ornamentoj de la frazoj, ian apartan fonon, kvazaŭ mondon de aliaj dimensioj, el kiu radias la nobla animo de la poeto kaj lumigas la teran realon per sia propra lumo. Tiu interna lirika lumo estas ĉe Kalocsay tre necesa kaj bonvena pro tio, ke li ne foriras de la vivo, li akceptas ĝiajn batalinvitojn, ĝian eternan tragedion, kiu sekvas la detruiĝon de malnovaj kaj naskiĝon de la novaj vivosubstancoj.

La poezio de Kalocsay estas temperamenta kaj *par excellence — vira.* Liaj kantoj de amanta koro estas plenaj de senta ebrio, de himnoj plej dolĉaj pri la belaj kunulinoj de nia surtera destino. De la punktoj plej petolaj ĝis la plej tragediaj balanciĝas la temoj de lia poezio, kiam li kantas pri virinoj. Li skribas pri ili tiom sincere, ke vera amo, vera kompato estas sentata en tiuj mortaj, presitaj linioj de literaro. Lia forta vira esenco potence puŝas lin renkonte al virino por ami aŭ kundolori. Lia „Maja idilio" estas senfina kanto de juna, bela, brila amo, kiu, kvazaŭ rivero, superpleniginta sian ujon, larĝe disvastiĝas por dronigi la zorgojn kaj penojn de la ordinara vivo. Ĝi prezentas samtempe abundan kaskadon de la senta gamo, kiun nur kapablas eligi forte strečita amanta juna koro. Kaj kontraŭe la „Pala procesio", jam en sia titolo sole, estas tuŝita per mortaj koloroj. La poeto ne povas reteni la sufokajn ĝemojn de l' animo, kiam li vidas ke la „kor-muelanta" tragedio detruas la belon, ke la frosto subite velkigas la ĵus ekflorintajn florojn, ke velkas la *juneco,* ne vidinte la feliĉon de la matura ĝuo.

Kaj tiam svenas la profunde ĉion analizinta menso de la poeto kaj subite li ploras, oferante du sincerajn larmerojn al tiu malluma

enterig' de ĝojo kaj de ĉarm',

por ke, eble morgaŭ — kiam li estas for el la urbo —, li forgesu la hieraŭajn palajn fantomojn kaj sin ĵetu en la ĉirkaŭprenojn de novaj ĝuoj kaj novaj bildoj, por ne malpli sincere ekkrii:

Ho, vi mensogis al mi kor',
Ke estas tuta viv' — sufera.

Poeto impresema, amplena kaj profunde sentanta la vivon, Kalocsay ne preteriras ĝiajn belecojn kaj ĝuojn, ne envolvas sin en la tagon de rigora melankolio. La junecon, infanan feliĉon, gajon de junulaj amaventuroj, belajn bildojn de la naturo li ne forŝirmas antaŭ sia rigardo; kontraŭe, ili estas por li kvazaŭ efikaj kuraciloj, kies sola vido refreŝigas lian lacigitan menson de superokupita urba homo. La skizoj pri la infanoj, precipe pri la junaj geabinoj, estas ĉe Kalocsay klasike puraj kaj allogaj.

La bildoj de la naturo, ĉiusezone ŝanĝanta la riĉajn vestojn per la modestaj kaj ree la modestajn per la riĉaj, tiu seninterrompa Tera sinfonio de sono, koloro kaj movo, esprimiĝas ĉe Kalocsay per belegaj sonetoj, kiuj farus grandan honoron eĉ por la riĉaj naciaj literaturoj.

La soneto precipe estas tre karakteriza por Kalocsay, ĉar naskiĝas pro la nobleco de lia liro, pro la konservativa aristrokratismo de lia kreanta impulso. Tiu konservativa trajto, celanta purecon de lingvo kaj frazo, neniam baras al la poeto serĉadon de novaj vojoj kaj metodoj, sed nur stabile detenas lin de la glitdanĝeraj eksperimentoj kaj en tiu rilato ĝi perfekte koincidas kun la efektivaj bezonoj kaj progreso de Esperanto.

Al la beleco de la lingvaj formoj Kalocsay venas per la vojo natura, ĉar li kapablas en la simpla kaj ordinara trovi grandan espriman energion. Lia artista penso estas edukita por libere disponi per ĉiuj eblaĵoj de Esperanto kaj li eĉ trovas ilin nesufiĉaj por ĉiuj postuloj de la muza inspiro. Por kontentigi la lastan li estas devigata krei ion novan, aldonan, plilarĝigantan la kadrojn de la jam konata kaj uzita — kaj pro tio li povas iri nur per la vojoj de perfektigo aŭ kadukigo de la lingvo. Kontraŭ la kadukigo, kiel ni vidas, lin savas lia esteta lingva gusto kaj tial por li restas nur rolo de la nepra nobliganto de Esperanto.

Kaj li fakte donas al nia lingvo tiujn ecojn, kiujn ĝi multe bezonas por rivali kun la literaturoriĉaj malnovaj naciaj lingvoj kaj por esti ilia vera spegulo en la tradukoj.

Kreante kaj nobligante Esperanton en la verkoj originalaj, Kalocsay paralele uzas sian sperton ankaŭ en la tradukoj de la elektitaj naciaj poetoj kaj prozverkistoj, li esperantigas la poemojn de Petőfi, Schiller, Baudelaire, Verlaine, la pseŭdo-eposon de belega „Johano la Brava" kaj en tiu rilato li ankaŭ donas al ni fruktojn, kiuj povas konkuri kun la verkoj de la plej famaj Esperantaj stilistoj-tradukistoj.

*

Pri la verkado de la historio de Esperanta literaturo oni ankoraŭ ne estas parolinta. Eble la tempo por tio estas iom frua. Sed tio ne signifas, ke la supozata verko ne estos plenumebla aŭ vere aktuala post kelkaj mallongaj jaroj, ĉar Esperanto ja vivas kaj disvolviĝas precipe en sia literaturo. Kaj kiam fine troviĝos talenta kapablulo, kiu detale kaj konsekvence difinos la signifon kaj lokon por ĉiu pli aŭ malpli rimarkinda Esperanta verkisto — li certe oferos al la verkaro de dro Kolomano de Kalocsay multe da atento kaj analizo kaj eble tiam, inter la komparoj, ni pli klare ol nun ekvidos, kiom efektive ŝuldas Esperanto al tiu ĉi klera kaj belkora samideano, kiu ensorĉigis Esperantujon per la belaj melodioj de sia arĝentsonora liro.

*N. Hohlov*

# MONDLITERATURA OBSERVO

I. L. PEREC (1851—1915)



Estas la fondinto kaj la ĉefo de la moderna juda literaturo. Male al la klasikuloj: Mendele Moĥer Sfarim kaj Ŝalom Alajĥem, kiuj en siaj verkoj pentras la vastan kolektivan viv- kaj pensmanieron de la juda popolo kun ĝia moraro kaj okupoj, ĝojoj kaj malĝojoj, suferoj kaj esperoj, *Perec* penetras en la fundon de la juda vivo kaj respegulas la animon de la individuo. Liaj herooj estas potencaj individuoj kaj liaj tipoj — solecaj unuopuloj. La baraktanta grandgenia spirito de Perec ne enigis siajn verkojn en rigidajn ĝenerale akceptitajn formojn. Li sin ĵetas de unu kampo al alia, de unu provo al alia. Resonas en liaj verkoj motivoj socialaj kaj psikologiaj, religiaj kaj filozofiaj. La aŭtoro de: „La tri kudristinoj" kaj „La freneza Batlan" estas ankaŭ la aŭtoro de la „Ĥasidaj rakontoj" kaj de multaj alegoriaj „Rakontetoj" (kiel ekzemple „La diamanto", „La kvarkolora lanterno kaj la kvar hundetoj", „La mirinda birdo", „Ĉe fakiro" ktp., ktp.). Sed ne nur enhavriĉa estas lia verkaro, sed ankaŭ plejdiversa laŭ literatura formo. Epikon, lirikon, dramon — ĉion li provis kaj ĉie vidiĝas lia genieco kaj artismo, kvankam ne sentendenca. Kaj lia tendenco estis ĉiam kaj ĉie, klerigi, moraligi, levi la homan animon. Lia devizo estas, ke ĉiu rajtas vivi apartan vivon laŭ la leĝo de sia propra animo. Kaj kvankam Perec estis realisto, romantikisto, racionalisto, impresionisto, naturalisto, modernisto, ekzistas tamen konsekvenca linio en lia maltrankvila serĉado, — la linio de individualismo. Bedaŭrinde estas maleble al mi en mallonga artikoleto eĉ mencii la plej gravajn verkojn de Perec, kiel ekzemple la misterajn dramojn: „La ora ĉeno", „Nokte sur la malnova vendplaco" kaj la famekonatajn popolajn kaj ĥasidajn rakontojn — perloj de la juda literaturo kaj la majstroverkoj de ĝia ĉefulo. — La merito de Perec por la plua disvolviĝo de la juda literaturo estas netaksebla. Lia inspirita genio kaj ideriĉa granda animo vekis kaj inspiris tutajn arojn da verkistoj, kiuj sekvas la vojon de la Majstro kaj bene pliriĉigas la judan literaturon. Perec estas la sola juda

verkisto, kiu estas tradukata en ĉiujn senescepte eŭropajn lingvojn. Tre malmulte li, bedaŭrinde, estas prezentata en Esperanto. La alegorio „La eterna paco en le-lando" — aperanta en la hodiaŭa numero de L. M. — estas speciale atentinda por ni Esperantistoj. La genia Majstro de la juda literaturo venas al la sama konkludo kiel la Esperantistaro, ke „la eterna paco en le-lando" komenciĝos, post kiam la homaro ekparolos per unu sole-homa radilingvo... Entute estis la rilato de Perec al la mondlingvo pozitiva. „Mi kredas je efektivigo de interpopollingvo" li diras en sia „Materialismo kaj idealismo" kaj tion pruvas ankaŭ la ĉi-supra alegorio, kiu estas kvazaŭ historiozofio. Estus dezirinde, ke baldaŭ aperu en Esp'o kolekto de la plej gravaj verkoj de la ĉefo de la moderna juda literaturo. *Jur.*

## NOVA TEATRAĴO DE JEAN SARMENT

La *Facilité* estas duaktaĵo kaj nun aperis ĉe Ed. Plon, en Parizo. La agado okazas en Nizza, sur la teraso de l' kazino. Malsupre la maro, supre la blua ĉielo, ĉie gajo, ĝojo kaj bonhumoro.

*Courges* la juna kaj fama skulptisto sidas ekstere sur la teraso kaj dolore plendas al sia amiko pri siaj suferoj. *Moute*, lia amatino, kiun li adoris, trompis lin.

— Per mia plej bona amiko ŝi trompis min — li diras —, per mia plej bona amiko, per la poeto Herbert *Forges*. Rigardu, ankaŭ nun ili estas kune. Kiel ŝi alridetas lin, kiel ŝi ridas!

Courges estas pasia amanto, Herbert estas cinika kaj superema. Courges amindumis la virinon, Herbert ne atentis pri ŝi. Per tio li almilitis ŝin.

— Mi mortigos ilin ambaŭ — decidas la skulptisto. La revolvero estas en lia poŝo.

La geamantoj venas sur la terason, ili ridetas, gajas. La muziko ludas valson. La kelnero ĉirkaŭportas likvoron. Ĉiu amuziĝas, ĉiu gajas.

Courges restas senmova.

— Tie ĉi ne estas eble murdi, ne eble mortigi — li diras. — La vivo estas tiel plena de ĝojo, ke ĉi tie oni ne havas forton malbonigi la humoron. Kiel la maro bruas, kiel la steloj brilas dolĉe sur la ĉielo, tio malarmas min.

En la dua akto Moute trompas jam Herbert'on. La skulpiston per poeto, la poeton per aktoro.

Herbert suferas kaj Courges konsolas lin.

— Ĉu tion diras vi, kiu estis ĝis nun pasia kaj impeta?

— Kara amiko, ĉiu estas pasia kaj impeta nur, dum li ne devas esti cinika. Kaj ĉiu estas cinika kaj superema nur, dum li rigardas la aferojn de aliuloj.

Courges tamen parolas kun Moute.

Moute eĉ scii ne volas pri Herbert. Denove ŝi volas la amon de Courges.

Sed Courges milde kaj kviete rifuzas la virinon. Supre, sur la teraso iu ludas fortepianon, molan, sentimentalan germanan muzikon.

— Ne eble, Moute, ne eble. Por kio estus ja komenci ree la ekscitiĝojn kaj suferojn? Fine oni ja rekonas, kiom da belo kaj ĝojo kaŝas sin en tio, se oni pro nenio ĝojas plu. La grandaj gestoj kaj grandaj sentoj ne lasas al ni ĝui la belaĵojn de l' vivo. Iom post iom oni fariĝas egalanima kaj facile transrigardas la aferojn. Tiel facile, kia estas ia mole sonanta kanto.

Kaj Moute foriras kaj Courges plu rigardas la maron kaj plu rigardas la boatojn... *Ic.*

## ERNST BARLACH: LA MORTINTA SUNO.

En sia ekspresionista dramo, prezentita en la München'a *Kammerspiele*, Ernst *Barlach*, pentristo, skulptisto kaj dramverkisto, komponis el la pereema, terodora, mortema vivo veran simfonion, la simfonion de homaj suferoj. Ni ĉiuj estas filoj de Dio — li diras — kun vizaĝoj turnitaj al la sunbrilo de spirito kaj kun animoj liberaj, sopirantaj je aĝo, sed nia patrino estas la tero, la polva, kota, reala vivo, la bona manĝo kaj trinko kaj la virino de teraj sentoj. Ĉi tiu patrino, per sia pritimanta amo mortigas sian filon, sian filon de Dio. Ĉar la patrino ne povas rekoni, ke la infano al ŝi konfidita estas nur prunte la ŝia, nur ĝis tiam, kiam li elkreskas viro kaj iun belan tagon ekrajdas sian fajran spirit-ĉevalon senditan de la Diopatro, por ke li galopu sur ĝi vivi, fari heroaĵojn, liberiĝi. Kiel kortuŝa estas la doloro de ĉi tiu praa patrino, kiu brulas kaj tremas en sia sindona kaj kvazaŭ besta amo, kiu forfluigus la sangon de l' tuta mondo, nur lia filo ne sangu, nur lia filo restu ĉe ŝi.

Al malhela, bibliepoka loko retiriĝis la tera virino por eduki la filon de Dio; spiritoj kaj gnomoj servas al ili nevidate de la teraj okuloj de l' patrino. Simpla vivo, simplaj bezonoj, trankvila dormo, homaj sentoj. Sed la junulo havas sonĝon kaj matene aperas ĉevalo, ĉe kies ekvido la patrino ektremas kvazaŭ morte timiĝinta sovaĝbesto. La junulo scias, ke la ĉevalo venis por li, sed ne komprenas kial tio doloras al lia patrino, li ne komprenas ke oni devas disiĝi kaj ke lia juna vivo signifas morton al la maljunuloj. Por li la estonteco ja estas hela, brila galopo sur la dorso de l' dia ĉevalo, tra l' universo, en la radia sunbrilo de l' spirito, sen doloro gluita al la buloj de l' tero. La patrino, vidante, ke ŝi ne povas reteni sian filon per ruzo, kaŝe mortpikas la malpaciencan ĉevalon kaj kaŝas la kadavron en la kelo. Sed kiam la blanka ĉevalo sendita de Dio elsangis, la suno subite haltas en sia leviĝo kaj senforte, stagne pendas inter tero kaj ĉielo. Sufoka haladzo venas el la terprofundo, la suno ne povas doni plu varmon kaj lumon. La domloĝantoj frostotreme, teruriĝante vekiĝas je la tago de l' mortinta suno. La junulo ne trovas sian ĉevalon kaj antaŭ li, forlasita de l' Dia graco, malfermiĝas la realo, la sufero, la vivo. La domon, kie li pasigis multajn belajn tagojn, la treme amantan patrinon, la odoron de l' tero, la malhelajn murojn li malamas kaj volas rifuĝi. Sed ne ekzistas plu la spiritĉevalo, per kiu la malespera patrino regalas sian filon en terura festeno. Fine la virino, kiu tiel pekis en sia tera pasio kaj tamen perdis sian filon, mortigas sin. La filo restas sola, malantaŭ li la mortinta suno, sub li sufoka nebulo, en liaj brakoj lia mortinta patrino. Flugi ne instruis lin lia Dia patro, do li elektas la teran vojon ekkonitan per sia patrino: la morton. En la alto sonas voĉo: Homo! Kial vi forgesas, ke vi estas filo de Dio?

Barlach sukcesis doni al tiu ĉi bela poemo ankaŭ draman vivon. Granda ĝojo, ke spirito, forŝirinta sin de transvivitaj, mortintaj formoj, ne nur disŝiras kaj detruas, sed ankaŭ konstruas. Ĉi tiu dramo estas poemo de la homaro malsata je saviĝo. Kia damno, ke la homo de nia epoko, kvankam li sentas sian dian devenon, nenie vidas la savon. *F. P.*

## OTTO STOESSL: SUNMELODIO. BIOGRAFIO

La libro (Deutsche Verlaganstalt, Stuttgart-Berlin) rakontas al ni la vivon de muzikista genio. De frua infanaĝo ni vidas lian evoluon: en la medio de pezmanieraj laboristoj, tra ĝojoj kaj kortuŝaj infanscenoj, en la instruistedukejo, tra amo kaj vivolukto. Kaj ĉie akompanas lin, penetras kaj plenigas lin la muziko, kiu faras lin, la junan instruiston favorato de l' tuta vilaĝo. Sed la muziko donas ankaŭ la plej gravan krizon de sia vivo.

Li edziĝas; kaj por vivteni sin kaj sian familion li forte okupas sin pri muziko. Do li devus esti tre feliĉa, dediĉante sin al sia korinklino. Sed la malo okazas. Senvalora li sentas ĉi tiun muzikon faratan laŭ metio kaj por monakiro kaj kun granda decido ĉiam pli kaj pli retiriĝas de la muziko. Pro flamanta amo al la muziko li turnas la dorson al ĝi. Post longa tempo de serĉo kaj palpado vekiĝas en li la kreemo kaj li komponas grandan orkestroverkon. Ĝi fiaskas, sed tio ne paralizas lian fidon, li sentas la verkon unua paŝo al tute nova muziko. Kun ĉi tiu fido li travivas la mondmiliton kaj vivas ankaŭ poste en mizero, ĝis en sia filo li malkovras la samajn kapablojn kaj nun ili jam duope kredas je la nova muziko, je la nova vero. Kompreneble en la romano la muziko kaj la muzikaj problemoj estas nuraj simboloj; malantaŭ ili kaŝiĝas la serĉado al novaj vojoj de homa vivo kaj homa vero, la izoliteco kaj tragedia sorto de la nova vero ĝis tiu tempo, kiam nova kaj juna generacio estos ĝin komprenanta. La historion per delikataj kaj valore kaj pure literaturaj rimedoj faras Stoessl arta kaj samtempe interesa.

## LUCIAN BLAGA: LA PLEJ NOVA POEZIO RUMANA

La verkinto de tiu ci studo mem estas eminenta reprezentanto de la novspirita poezio rumana. La radikoj de lia verkado sin nutras el la fontoj de la rumana popolanimo. La motivoj de liaj poemoj estas ciam cerpitaj el la popolaj sentoj kaj pensmaniero, sed la formo uzata de L. Blaga kaj liaj vortobildoj estas tute modernaj.

*Rio Riu*

La hodiaŭa poezio rumana priprovas ĉiujn novajn formojn eksperimentatajn ankaŭ aliloke. Depost kelkaj jaroj ni klopodas ĝisprofunde prilabori la malnovan teron. Kiujn la maljuneco aŭ afektemo igis obstinaj, tiuj sentas, ke nia refreŝiĝo estas nepardonebla salto kontraŭstaranta la leĝojn de la naturo. Sed oni nur tiam malkovros la fadenojn kunligantajn la junan generacion kun la pasinto, kiam la subkonscia mondo jam delonge estos levita en la lumon de l'penso. Cetere nenio plifacilas, ol trovi ian tradicion. La novaĵo rustiĝas multe pli rapide, ol oni kredus tion. Ĉiu revolucio — en la perspektivo de la tempo — prezentas sin en la formo de l' progreso. La junularo havas nur unu devon: ne returni sin por rigardi, ĉu ĝia plugilo fendis bone aŭ ne; ĝi fidu je la instinkto de siaj propraj, junaj paŝoj. En niaj vicoj estas kelkaj, kiuj naskiĝis idiotoj, — romantikistoj, kiuj akuzas la junularon pri la transprunto de l' ekspresionista maniero, kvazaŭ ja ili mem ne estus transprenintaj la manierojn de la centjara romantiko. La plejmulto eĉ nun ne rimarkas, ke neniu stilo estis kreata de unu sola homo kaj ke en kiu ajn stilo — posedante la saman eblecon kaŝitan — oni povas esti sufiĉe nacia. Sed ni vidu la temon.

Unuflanke post la oratoremo de kelkaj poetoj kun nacikolora kropo, aliflanke post senfrukta estetiko, la hodiaŭa rumana poezio serĉas *ethos'* on kun pli profunda eĥo. La vento de l' kreanta vireco blovas inter ni. La animoj arkiĝas en pli larĝa kupolo por povi akcepti la kosmajn resonojn. Nek la mistiko, nek la vizio pri novaj aĵoj mankas, eĉ ne la densigitaj rimedoj de l' esprimo — por ke ankaŭ ni povu esti voĉo en la ĥoro de la trumpetistaj anĝeloj.

Por preni ilin laŭvice, la plej maljuna estas laŭ aĝo la polemika *Tudor Arghezi,* kiu ludis decidan rolon en la revolucio de la lingvo. Sekve de lia eksterordinara vortinventado, pro lia ne elĉerpebla povo en la kreado de l' pensoj stilistikaj, li estas juna ankaŭ hodiaŭ, post kvaronjarcenta agado literatura. Pro liaj mirindaj vizioj, liaj poemoj estas ofte nekompreneblaj al tiuj, kiuj ne kutimas ĉerpi per siaj siteloj el profundaj putoj. La poezio de l' iniciato restas ankaŭ la arto de *G. Bacovia,* kiu cetere malmulte produktis laŭ nombro. Li prikantas la plumbegrizan senesperon kun malofta sugestia forto. Super lia mondo ŝvebas la viola koloro de la malgajeco, en kiu li aŭdas „la ploron de la materio".

Inter la pli junaj, *Nichifor Crainic* al la tero havas ligojn. Poeto lumiga, atenta pri mezuro, riĉa kaj melodia, aranĝanta siajn vortojn en klasike klaraj linioj. La „*ethos*" pri kiu ni parolis, unuavice karakterizas lin, bravan filon de l'kampo-sulkaro. Lastatempe *Ion Pillat* prikantas la memorojn de sia nobela sango en belaj rimparoj. Kun intima atmosfero li ĉirkaŭprenas la estaĵojn kaj objektojn — precipe tiujn formigrintajn en la rememoron.

La rafinita primitivulo de la rumana literaturo estas *Adrian Maniu,* havanta ion el la naiva beleco de la malnovaj ikonoj* rumanaj. En ĉiuj siaj verkoj tre delikata kaj ofte sin returnanta al la motivoj inspiritaj de la popolspirito, li tute originale ellaboras ilin. *Demosthene Botez* estas la poeto de la festotagaj suferoj, de la amikeco, enterigo, aŭtuno. Ĉefe la imaga povo karakterizas lin, same ankaŭ lian kolegon en la imaginismo: *Al. Philipide,* la junan poeton kun kosma patoso. Sukcesajn ombrumajn provojn faras *Ion Vinca* (lernanto de la kuraĝa bukuresta poeto *Tristan Tzara,* la eltrovinto de la dadaismo).

En Transilvanio eminentas *Emil Isac.* Lia volumo „Poemoj en Prozo" lasas nin enrigardeti en la altajn kvalitojn de liaj verkoj kaŝitaj de li en la skrikotablo, simile al ŝparema riĉulo: li gardas kelkajn volumojn da poemoj kaj plurajn dramojn. Ankaŭ *Aron Cotrus* estas Transilvaniano, la robusta, simpleca poeto de la sano, sendisciplina, kiel simpatia, juna elefanto. La multkoloraj ĝojoj de la libereco trovas muskolplenan resonon en la eruptaj poemoj de la kantisto.

Mi elŝiris tiun ĉi bukedon el la vivantaj „modernuloj", pri kiuj mi opinias, ke ili estas daŭre vivaj. Sed el la ĥoro de l' estonto jam aŭdeblas ankaŭ la voĉoj de aliaj kantistoj.

* Sanktulaj bildoj en la orientkristanaj preĝejoj.

# BIBLIOGRAFIO

## FRIEDEBERT TUGLAS: EN LA FINO DE LA MONDO

El la estona lingvo tradukis Henriko *Seppik.* Eldonejo M. Tamverk. Haapsalu, Estonio. Esperantofako.

Libro de giganta kaj transmonda fantazio, libro de premaj kaj spirretenaj efektoj, potenca, mistera, katenanta, neforgesebla. De la komenco, pentranta per malhele akraj peniktiroj la malluman malplenon, en kiu la ŝipo naĝas en la mondofino, ni sentas tiun kuntrenantan forton, kiu portas nin tra la tuta libro kvazaŭ rabante nian konscion kaj rezistkapablon. La stranga kaj inkuba fantazio de l' aŭtoro pentras antaŭ ni transcendajn revajn regionojn, sed per tiel karna, palpebla realeco, kiu konfuzas nin, pro kiu dum la lego ni perdas nian orientiĝon pri la prijuĝo de vero kaj imago, ni vagas kun li tra la malhele brilaj pejzaĝoj de kampoj kun nekonataj arboj kaj herboj, sentas la pezan odoron de venene ebriigaj floroj, ektremas pro la pereige superhoma amo de gigantino, kunbaraktas la sangsuĉajn voluptojn kaj fininte la legon, ni ĉirkaŭrigardas treme, en postebria laco kaj sentas la mondon ĉirkaŭ ni tiel ordinara, griza, tiel „homa, tro homa", kiel mem la heroo de l' rakonto, reveninte el la lando de dolĉaj kaj ebriaj kaj murdaj ĥimeroj.

Kia mirinda simfonio de vortoj; frazoj kaj bildoj sukoŝvelaj, ruĝkarnaj, lasantaj en la buŝo la guston de agaciga dolĉo kiel tromatura frukto! Kiel abnorme akraj konturoj en violete vibranta aero, en sufoke peza atmosfero de malseka terhaladzo. Kaj kia trankvilo en la fluo de la rakonto kaj sub la trankvila surfaco kiaj akvoturnoj kaj krilantaj abismoj.

Kion signifas, kion simbolas la rakonto? Ĉu la pereigan forton de l' senbrida pasio, kiu fariĝas giganto, frakasanta nin per sia ĉirkaŭpreno? Ĉu la senpovan barakton de viro en la kateno de l' eterna virino? Ĉu la cerbkonsuman fantazion kiu plezuras en superhomaj voluptoj kaj en sia senfrukta imagdiboĉo forbrulas, mortigante per siaj flamoj la sentojn por la realo kaj postlasanta nin en senkonsola grizo? Ĉio ĉi estas perforta klarigado, for ilin. La rakonto nenion simbolas, ĝi estas kaj vivas en si mem, mirinda kreskaĵo, ĝerminta sub la tropika suno de arda fantazio, ĝi estas *mito,* parolante al mi same animkatene, kiel al la antikva greko la aventuroj de Odysseus. Tiam la mondo estis mistero, plena de danĝeroj kaj abismoj, monstroj kaj mirakloj, tra ili vagis la sagaca greko. La mondo klariĝis, sed la danĝerojn, abismojn, monstrojn kaj miraklojn ni havas ankoraŭ en la homa animo, tra ili nin portas la aŭtoro per sia simfonio, farita laŭ la antikva gamo, sed kun la instrumentado, ton- kaj kolororgioj de moderna poeto.

La traduko estas inda al la originalo. La „juna" Esperanto disvolvas ĉiujn siajn kapablojn kaj per sia elasta fleksebleco serpentas tra la abunde ornamaj, kolorriĉaj pejzaĝoj de l' originalo. Ĝi ŝajnas kvazaŭ profunde spiri, ekskui sin, forŝirinte la katenojn de multaj malbonaj, dormemaj, pezaj stilistoj kaj elvivi plene en la facilpaŝa ĝoja promeno tra la vigla kaj plastika stilo de la libro. (Noteto tamen: la tradukinto ne ĝuste uzas „kutimi" anstataŭ „kutimiĝi", aŭ „alkutimiĝi".)

*Kopar*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró